XXª jaro. Nº 292 (12) ☆ Monata ☆ Decembro 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## La morto de S-ino Klara Zamenhof.

Doloriga novajo malgaje frapis la tutmondan esperantistaron dum ĝi festis la kutiman datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Ĵus mortis la 7ªⁿ de decembro la edzino de nia Majstro pro longa, suferiga malsano el kancero kaj post vana operacio. Atinginte la aĝon de 61 jaroj, sinjorino Klara Zamenhof estis bone konata de la esperantistoj, ĉar ŝi regule partoprenis ĉiujn niajn kongresojn malgraŭ la granda lacigo de l' vojaĝo kaj la forta emocio de l' rememoroj. Ĉiuj ne nur respektis sed tutkore amis ŝin pro ŝia digna simpleco, sincera modesteco kaj fervora intereso en ĉiuj flankoj de nia movado. Post ĉiu grava sukceso de nia afero, ni ĉiam ricevis de ŝi leteron ĝojan, kuraĝigan. Sprita, firma, bonhumora kaj bonkora, ŝi afable sekvadis ĉion amike. Sed en la koro ŝin turmentadis la profunda, la neriparebla ĉagreno. La vivo sen la edzo estis al ŝi peza. Ŝi emis lin sekvi ĉien kaj eĉ al morto. En Vieno jam fizika vundo aldoniĝis al la morala kaj mordadis interne . . .





*Ludoviko kaj Klara Zamenhof en 1887*
(el la „Vivo de Zamenhof", ilustrita eldono de Brita Esperanto-Asocio, London 1920).

Nun ploras ŝin la gefiloj kaj gefratoj hejme, la geamikoj en tutmondo. Trans maroj flugas al Varsovio la monumento Zamenhofa, hieraŭ forsalutata de niaj skotaj samideanoj. Kiam ĝi alvenos al sia celo, ĝi jam kovros ambaŭ tombojn. Unu en la vivo, unu en la morto, unu en nia danka memoro. „Sur la kampo, for de l' mondo, antaŭ nokto de somero, amikino en la rondo kantas kanton pri l' espero . . " Kiam la juna doktoro silente suferis kaj antaŭvidis malfacilan vivon, „l' amikino en la rondo, Klara Silbernik, konsentis partopreni ĉion kaj kuraĝe metis manon en lian. Ŝi petis sian patron helpi la eldonon de la Unua Libro. Kun la Majstro ŝi dissendis ĝin. Kun li ŝi penadis kaj esperis. Kun li ŝi vivos en nia historio kaj en niaj koroj.

Kun la amata familio nun ploranta ĉe 41 Krolewska en Varsovio la tuta esperantistaro tutkore simpatias kaj dolore per penso kunestas.

*Edmond Privat.*

# LITERATURO

## Madono

de *Alexandra Mexin.*

Vi renkontas ofte bildojn de Madono, en bildekspozicioj, bildarejoj, privataj kolektoj — la bildojn, kiuj montras al vi la patrinecon, leviĝintan ĝis la dieco, la diecon enkorporigitan en la patrineco.

Ili estas diversaj: unuj feliĉe ridetas al la lumplena estonteco, tenante en la brakoj la Infanon; aliaj vedoloras malgaje ĉe la tombo, pro la nerevenebla estinteco . . .

Mi admiras tri bildojn de la Sankta Patrino, unu kvazaŭ daŭriganta la ideon de la alia.

La unua staras alpremante al sia brusto plensanan, dikgrasan korpeton de la bela infano . . . Viveca belo vidiĝas en ŝi, en ŝia etulo . . la belo de l' korpa kaj spirita harmonio.

Nur en la okuloj vi rimarkas ian maltrankvilon . . . Fikse rigardu ilin . . . Ili kvazaŭ antaŭvidas ion . . . ion ankoraŭ nevideblan, nekompreneblan . . .

Kvazaŭ la ombro de ia antaŭsento malheligas la rigardon de tiuj kvietplenaj mirindaj okuloj . . . Tio estas la Madono de Rafaelo . . .

Jen la okuloj de la Madono de Hoffmann . . . Ili ekvidis multon . . . senkompatan en sia neforigebleco, teruran en sia nepreco . . . la turmentoplenan estontecon . . . La timigitaj okuloj estas vee fiksitaj tien, kie malfermiĝas profete al ili subite la estontaĵo . . . Tiuj okuloj ekvidis troon . . . la okuloj ĵus admirintaj la senzorge dormantan infanon . . .

La tria . . . Madono de Karlo Dolce . . . Oni ne vidas viajn okulojn; ho, Mater Dolorosa! . . .

Ili estas kaŝitaj sub la mallevitaj palpebroj, kvazaŭ ili estas elĉerpitaj per malgajolarmoj . . . Nur la lasta larmero, malrapide ruliĝanta sur veplena vizaĝo, glaciiĝis sur ĝi.

Viaj nevidantaj plu okuloj estas kaŝitaj de fremda rigardo: la sekreta maltrankvilo de la neesprimebla antaŭsento . . . kion ni legis en la okuloj de la unua Madono, — kvazaŭ ia nudeto malheliginta iam la ĝojan vizaĝon de la feliĉa patrino . . . La teruro antaŭ venontaj tagoj de malgajo, kies maldolĉkalikon vi eltrinkis jam ĝisfunde, antaŭ la horoj da turmento, minutoj da suferoj . . . ĉio, pri kio parolis la okuloj de la dua Madono . . .

Ĉio restis en pasinttempo . . . forflugis kiel sonĝo, forsonis kiel kanto, foriĝis kiel revo . . .

La korveo de la tria Madono, kies okuloj estas kaŝitaj de niaj rigardoj, transiris la limojn de la tera suferado . . . atingis la regionojn, kie ne ekzistas plu memoro, pli estinta feliĉo, nek bedaŭro pri la nunaj turmentoj . . . La elturmentita koro povas plu nek vei, nek priplori la suferon. Ne estiĝas plu larmoj, nek doloro en la laca animo . . .

Ĉio forestas . . . estas forlasita . . . sur la tero . . . la sentoj, la revoj . . . la esperoj, la memoraĵoj . . . Restas nur la larmo, kvazaŭ glaciero sur la veplena vizaĝo . . .

Tia malgajo preskaŭ ne surtera similas al rezigno, al paciĝo de la veanta patrino kun la ofero necesa por sekigi la larmojn de aliaj patrinoj . . . por la kuracigo de turmentoj, de sufero de la tuta mondo . . . La ĉiela veo ĉirkaŭas, kiel lumkrono, vian kapon, ho, Mater Dolorosa, — vian humile mallevitan vizaĝon kun nevidantaj okuloj . . . la veo „ne el ĉi tiu mondo . . ."

---

## Familia disiĝo.

De *J. Poruks.*

Pluvegis jam la trian tagon. Kiam ekĉesis la pluvego, leviĝis nebulo, kaj kiam la nebulo disiĝis, tiam oni vidis, ke la herbejoj, grenkampoj kaj paŝtejoj subakviĝis. Ĉe la bariloj kaj kamplimoj aperis perpluvaj sablo-amasetoj. Kaj la homoj iradis kun malgajaj, dormemaj vizaĝoj, por fari la plej urĝan kaj necesan.

La maljuna Rocis sidis ĉe la fenestro kaj kurbiĝinte foliumis kalendaron, iam post iam malkontente ektusante. Ĉe la tablo sidis lia edzino kaj flikis tolaĵon. En lito maldiligente ruliĝadis kaj oscedis Andreo, lernanto de reala lernejo, la plej juna filo de Rocis.

„Se ja nun foje ĉesus pluvi!" la patrino plendis kaj penis enigi fadenon en kudrilon, sed ŝiaj sulkitaj kaj osteca) manoj, kiuj dum kelkaj jardekoj faris sur la kamparo kaj en la hejmo la plej malfacilan laboron, tremis, kaj ŝi etendis la kudrilon trans la tablon:

„Patro enigu ĝin ci."

La patro riproĉe ekrigardis al la lito, kaj Andreo komprenis la patran rigardon. Li malrapide stariĝis kaj mokeme ridetante enigis la fadenon.

Dume ekpluvis ankoraŭ pli ege, kaj la patrino ekĝemis, kvazaŭ pluvus rekte sur ŝian kapon.

„Ho, kara Dio, se ja nun foje ĉesus . . ."

Ĉi tiuj patrinaj vortoj kvazaŭ elektrizis Andreon. Li levinte la kapon, laŭte ekridis.

„Pro kio ci, knabo, ridas?" la patro kolere demandis.

„Nenio", Andreo, retenante la ridon, diris, „mi devis ridi. Io tiklis min!"

„Tio estas puno por ni, al ni mizeraj pekuloj", diris la patrino, „kiam la homoj ne plu obeas al Dio, tiam li sendas la superakvon. Dio ja ne estas malgranda infano . . ."

„Sensencaĵo, patrino", diris Andreo, „se Dio estas, tiam li havas aliajn, pli gravajn aferojn, ol sin okupi pri malsaĝaj homoj. Tia korniko vergita, tia ne vergita. Dio tre bone scias, ke el malsaĝulo prudenton oni ne elbatos, se eĉ eterne oni batos lin!"

La patro frapis la kalendaron sur la tablon kaj ekkriis:

„Knabo! ci volas al ni, ciaj gepatroj, doni konsilojn kaj esti pli prudenta ol Dio mem!"

„Ne ekscitiĝu, patro", Andreo trankvile rediris, „mi ĉi tie parolas pri homoj. Paroli pri ili vi ja ne povos malpermesi. La homoj perdis en miaj okuloj ĉian respekton, kaj estas bone, ke venas pluvo kaj forlavas iliajn malbonajn, malpurajn postsignojn!"

„Sed ci ja estas knabo kaj ne povas paroli pri plenaĝuloj!"

„Do, lernu vi, plenaĝuloj, la dikan historion de l' homaro, okupiĝu vi pri ĝia literaturo, kial do vi trudas tion al knaboj? Se ni devas ion lerni, pli vere dirite, lerni parkere, tiam ni havas ankaŭ la rajton juĝi pri tio, kion ni lernas. Jen ĉi tie estas dika historio kun jarnombroj, pri la mizeraj heroaĵoj de l' popoloj. Tie estas nigro sur blanko, ke en tiu kaj tiu jaro Fiulo mortigis Diboĉulon kaj mem fine iĝis diboĉulo! Tiam la posteuloj de Diboĉulo revenĝis, tiam la posteuloj de Fiulo ree venĝis al la posteuloj de Diboĉulo ktp. Sed pri tio, ke foje la homoj volis prudentiĝi, pri tio estas tie nek vorto! Jen, tial mi povas kaj rajtas paroli, ke tiu ĉi tuta historio posedas aĉan, netolereblan odoron!"

„Bone, bele ci scias paroli", la patro dolorride diris „sed ankaŭ ci ne deziras pliprudentiĝi. Dio kreis ĉion bona, sed ci

deziras ĉion ankoraŭ pli bona. Dio kaj la naturo havas sian mezuron, sed ci ja mezuron ne havas. Kio estas legebla en la historio, tio estas instruo por ni, sed ci koleras, ke ĉio-ĉi ne rotaciis, kiel ŝmirita rado!"

„Do mi devas silenti?"

„Ĝuste tiel: ju pli longe, des pli bone!"

„Por kio do mi devas viziti lernejon? Nur tial, por ke iam mi fariĝu sinjoro, ke mi turnadu min kaj primiradu, kiel pavo, ke mi havu servantojn, rangojn, ke mi drinku, ne plenumu mian devon kaj fine mortiĝu? Mi opinias, ke lernejo ekzistas por tio, ke la homo lernu ĝuste senti kaj pensi, ke li lernu ankaŭ ĝuste paroli, kion li pensas. La naturo donis al mi parolorganojn, sed vi deziras forpreni ilin. Vi deziras esti super la naturo!"

„Mi vidas, ke nur tial mi sendis mian filon en la lernejon, ke li maldolĉigu mian maljunaĝon."

„Tiajn parolojn, patro, oni nomas sensignifaj frazoj. Mi efektive pensas bone." —

„Do ne kuraĝu instrui min!" la patro murmuris kaj rigardis tra la fenestro, kvazaŭ serĉante trankviliĝon.

„Ni restu ĉe tio: mi silentos!" Andreo findiris.

„Iel cerbumi ci en la lernejo lernas, sed fari vivtaŭgan aferon ci ne scias. Ĉiuj ciaj lernejaj instruoj aspiras nur tion, vivi per la laboro de aliuloj!"

„Patro, lasu nun lin trankvila. Parolu pri aliaj aferoj."

„Silentu, ĝi estas mia afero. Li devas agi laŭ mia volo, kaj ne mi laŭ la lia!"

„Andreo, iru rigardi, kioma estas la horo?" la patrino diris, timante, ke Andreo ne komencu kontraŭparoli al la patro, ĉar la patro, foje kolerigita, pensas pri nenio.

Andreo eniris en la malantaŭan ĉambron kaj tuj revenis. Li, kunpreminte la lipojn, mokeme ridetis.

„Nu, kioma estas?" la patro severe demandis.

Andreo balancis la kapon. Li levis la manojn kaj komencis perfingre kalkuli.

La rezulto estis sep. Sed la patron tiu ĉi nekonvena ŝerco des pli kolerigis.

„Ĉu ci aŭdas? malsaĝulo! mi demandas, kioma horo? Se ci petolaĉos, tiam mi kuŝigos cin sur la genuon!"

„Tiam vi plu ne vidos min ĉi tie. Vi ne rajtas tiel agi al mi. Jen vi ordonas al mi, ke mi fermu la buŝon, jen al vi plaĉas ree ordoni min, ke mi malfermu la buŝon. Kvankam mi estas via infano, tamen mi ne estas via sklavo. Instruu min agi saĝe kaj prudente, tiam mi obeos kaj respektos vin, sed al viaj kapricoj, vantaj kapricoj mi nenial obeos. Kaj horo estas la sepa!"

En tiu ĉi momento la patro Rocis efektive estus ekbatinta sian reallernejanon, sed sammomente eniris Petro, frato de Andreo, kaj la fratino Anna. De tiuj ĉi ambaŭ gutegis akvo.

„La bovinoj certe tiun herbon ne manĝos, tiel sabloplena ĝi estas. Du falĉiloj malakriĝis. Fine ni falĉis en la brasika ĝardeno. Tie talpoj ree faris grandan petolaĵon", Anna rakontis.

„Vidu, Andreo", la patro diris, „eĉ muelileton ci ne scias fari. Nek unu horon mi estis en lernejo kaj tamen mi pretigis ĉiujn laborilojn!"

„La patro koleras al mi kaj mia lernejo. Ĉu li ne povis elekti por si pli bonan filon kaj por tiu ĉi filo pli bonan lernejon? Se iu havas malprudentan filon, tiam nur la patro estas kulpa!"

„Andreo, mi opiniis cin pli prudenta, sed nun mi vidas, ke ci tute ne scias konduti", Petro diris devestante sian jakon.

„Li ja nin, kamparanojn, opinias nuraj malsaĝuloj", Anna altvoĉe ekkriis.

„Kaj tio al ci ne plaĉas?" Andreo laŭte ekridis, „kio do ci deziras esti?"

„Aŭskultu", la patro severe ekkriis, „nun estas sufiĉe. Tuj ci foriĝu. Iru en arbaron, tutegale, kien plaĉas al ci, mi ne deziras havi cin en la vido!"

„Bone, mi iros, se la alta kaj saĝa juĝo tiel decidas. En arbaron mi ne iros, ĉar mi ne estas besto. Mi iros sur la grenejon kaj tie dormos ĝis la mateno. Se morgaŭ brilos la suno, tiam mi povos entrepreni ian vojaĝon, sed se pluvos, tiam eĉ ne paŝon. Tiu ĉi tuta interparolado al mi ŝajnas tre ridinda."

Andreo prenis sian ĉapon kaj eliris.

„Diru, ĉu tio ne meritas vergadon?" la patro diris, kiam Andreo estis foririnta, „ĉiam pli spitema kaj malĝentila li fariĝas kontraŭ mi. Min li tute ne atentas!"

„Mi ja diras al ci, kiam ci veturigis la knabon en la urbon, donu lin en la manojn de konvenaj homoj. Kiu scias, kiaj estas tiuj homoj, ĉe kiuj li loĝas, kaj kia la socio, kiesmeze li pasigas sian liberan tempon? Kie oni la Diajn vortojn kaj lian instruon ĉiutage priridas, tie fine infano estas igata alkutimiĝi la spiriton de blasfemuloj kaj mokemuloj."

„Eble ci pravas, sed mi ne povas pli multe pagi kaj ne scias, kie trovi la bonajn homojn. Tie en la urbo ili ĉiuj aspiras propran bonon kaj unu estas pli malbona ol alia."

„Nun, kiam finiĝos la feria tempo, devos kune veturi Petro", Anna ekparolis, „la knabo estas bona, nur mankas al li bona ekzemplo. Rigardu nur lian lernejan ateston: ĉiujn lernaĵojn li scias laŭdinde kaj tre bone. Do la saĝon li ne malhavas, kaj li ŝajne sin movas ĝuste antaŭen, nur la koro, ŝajnas deflankiĝis malĝusten!"

„Necesus nur unu fojon vergi lin, kaj la knabo fariĝus, ke plaĉus vidi!" la patro diris, „sed mi hontas: tiel grandan knabon..."

Ĉe tio la interparolo ĉesis. Petro alivestis sin en la malantaŭa ĉambro. Anna komencis senvestigi la piedojn, kaj la patrino finis la flikadon, ĉar tiel mallumiĝis, ke ŝi ne povis vidi la kudropikojn.

„Pluvas kaj pluvas konstante. Efektive fariĝos superakvo!" Anna malgaje diris, „sur la kampoj la sekalo tute kunfaliĝis, la herbejoj pleniĝis je sablo, vera sufersomero!"

„Ĝi, filino, estas Dia puno, ĉu en la mondo liaj instruoj havas ian honoron? Ĉu ci mem estas iam parolinta „Patro nia-n?" Ci ja ne scias, kio estas la amo al Dio, kaj tamen estas la plej bona mia infano. Pri la aliaj mi ja tute ne miras!"

„Sed, patrino, tie ja ankaŭ devas esti ia kaŭzo! Kial ni gejunuloj tiaj fariĝis kaj kial ĉio estas tiela! Ĝi havas sian bazon kaj signifon!" Petro enirante diris laŭte kaj firmvoĉe, „la peko, kiu la homon altigas, staras pli alte ol la sklaveca maldiligenteco kaj plena malscio, kiuj la homon malsuprenigas!"

„Ĉu vi aŭdas kiel pluvas", la patro malgaje diris, preskaŭ plorante, „kiel la tuta ĉielo ploras kaj malĝojas pri ni, kiuj fariĝas fieraj, imagemaj kaj arogantaj, kiam ni fartas bone. Kaj tial li deziras puninstrui nin, fleksi kaj subigi per tio, ke faras nin senhavaj, kiam senigas nin je la havo kaj pano. Aŭskultu kiel pluvas: tio estas ĉielolarmoj, en kiuj ni dronos. Kaj kiam tiu ĉi superakvo foriĝos, kiam ree ekbrilos la suno super la detruitaj grenkampoj, tiam nek Petro, nek Andreo, nek Anna kapablos per sia tuta saĝeco fari el ŝtonoj la panon. Ho, kio: ni mizeruloj volas esti pli prudentaj ol Dio!"

Li silentiĝis, kaj ekstere plaŭdis kaj zumis ĉe la tegmenta rando, ĉe la pordoj kaj fenestroj, en la korto, kaj tiu ĉi zumbruo en vespera krepusko plenigis ĉiujn je timo.

Post la vespermanĝo Petro suriris en la subtegmentejon de la grenejo, kie li kaj Andreo kutime dormis. Li volvis sin en la kovrilon kaj eniĝis en la fojnon, dirinte nek vorton.

„Ĉu ci scias, Petro“, Andreo ekparolis, „mi tre deziras manĝi, sed mi ne kuraĝas, ĉar mi tre kulpiĝis!“

Li ekridis, kaj ĉi tiu rido kolerigis Petron.

„Ci plu ne plaĉas al mi, Andreo“, Petro diris, „al mi ŝajnas, ke por ci nenio plu estas sankta! „ĉu tio estas nobla, malĝojigi la patron kaj patrinon, kiuj jam havas tiom da malĝojo kaj zorgado.“

„Mi ja devos pliboniĝi, ĉar alie oni ja ne povas vivi en tiu ĉi mondo de malsaĝuloj, kie oni postulas, ke infano elkresku granda, kaj tiam ree, ke la plenkreskinto fariĝu infano. Boniĝi mi ja devos, precipe tial, ke ci tiel deziras, ci, la plej delikata Petro el ĉiuj Petroj, kiajn mi konas.“

„Ne mokadu, Andreo, la patro vivas malfacile. Ni ne scias, kie akiri monon, por doni al ci en la urbon. Ĉio estis tiel bone ĝerminta kaj kreskis bonege, sed venis ĉi tiu pluvo. Nun estas eta espero!“

„Espero, kredo, amo! ankro, kruco kaj koro! Tiajn ringojn oni povas aĉeti en la urbo. Por vi tre taŭgaj!“ diris Andreo afektante solenecon.

„Andreo, mi perdas ĉian estimon al ci, ĉian, ĉian.“

„Jes, jes, ĉio perdiĝas kiel superakvo“, Andreo mokis, sed liajn vortojn interrompis nova, forta pluvofalo.

Dume la patro kun la patrino estis foriĝintaj al ripozo. Sed trankvilon ili ne havis. Ili pensis pri la senrikolta aŭtuno kaj timeme aŭskultis la pluvobruadon.

„Sinjoro Dio, ĉiela patro! se ja nun foje ĉesus!“ la patrino petvoĉe ĝemis.

La patro enlite sidleviĝis, preparis la pipon, enaspiris kelke da ekfumoj, sed baldaŭ ĉesis kaj kvazaŭ sorĉita aŭskultis la teruran pluvobruadon. Al li ŝajnis, kvazaŭ ĉio, ĉio devus droni.

El la latva lingvo tradukis *K. Strazde.*

---

# La ruĝa ĉapelo.

Li loĝis apud la Senata Palaco. Tra l' fenestroj de l' salono hejma, la ĝardeno de Luksemburg verdadis al li gaje.

Li estis apenaŭ pli alta ol la malgranda forneto en la koridoro.

Dimanĉe estis ĉiam bela vetero. Tiun tagon li rajtis dormi eĉ malfrue. Envenis foje varma sunradio kaj vekis lin tiklante la okulharojn.

Tiam alkuris patrineto por lin kisi. Ridante ŝi ruligis lin en la drapon kaj eltiris la knabeton el lito kiel pakaĵon.

Ŝi estis juna, blonda, karesema. Li ŝin amis pli ol ĉio ajn en la mondo, pli ol la belulino dormanta, kiu certe ŝin similis, pli ol la feino Morgane, kiu serĉadas perditajn infanojn en malhelaj arbaregoj.

Dum ŝi vestadis lin, la sonoriloj de Saint-Sulpice sonoradis kaj batadis. Por dimanĉoj li havis kostumon de marblua ŝtofo kun granda ruĝa ĉapelo kaj brunaj botetoj. Fiera li estis pri tiu glora ĉapelego, tiom admirata de ĉiuj geinfanoj, kiuj puŝadis siajn velŝipetojn sur la Luksemburga lageto. Jam du jarojn li ĝin portadis kaj eĉ noble rifuzis, ke oni aĉetu novan. Cetere li jam sciis pere de l' patreto, ke neniu alia persono en tuta Parizo posedis unu similan, krom Lia Eminenteco la Kardinalo Arkepiskopo, kaj eĉ ties ĉapelo havis nur dikan ĉirkaŭŝnuregon anstataŭ bela silka rubando.

Kio estas efektive kardinalo, tion li ne precize povis imagi. Nur li antaŭsentis, ke iel temis pri potenca persono kaj plie li eklernis, ke Lia Eminenteco nur unu solan fojon en jaro diras meson en la Katedralo de Notre-Dame.

La patrineton li turmentadis senlace por esti kondukata al tiu fama solenaĵo. La celo estis vidi la ĉapelon. Du monatojn antaŭe li jam antaŭĝojis. La patro eĉ trovis tian scivolemon sentakta. Li pritraktis la temon dum la tagmanĝo distranĉante kokidaĵon.

Mi petegas, amiko, diris al edzo la patrineto kun zorgoplena rigardo, ne tiom puŝu la forkon. Alie jam saltos tiu flugilpeco kun saŭco sur la tablotukon, ĵus metitan hodiaŭ kaj tute senmakulan.

Tiu rimarko malgajigis la knabeton. Kial sinjorinoj estas tiom okupataj per malgravaĵoj? Li ĉagreniĝis pri patrineto, kiun li tiom amis.

Elmetinte ambaŭ flugilojn kaj ambaŭ femurojn sur varman pladon por daŭrigi sendanĝere sian distranĉan taskon, la patro klarigis pri la graveco de Kardinalo Arkepiskopo en la aferoj de tiu ĉi mondo kaj de la alia.

Jam la longe atendita tago alvenis fine. La knabeto jam kredis, ke li mortos sufokite en la popolamaso, silenta kaj premata sub malhelaj arkaĵoj de l' Katedralo. La sonego de la orgenoj lin plenigis per teruro. Longa radiaro de lumo falis el senfine alta fenestrego kaj kolorigis flave kaj blue la nigran redingoton de dika sinjoro staranta antaŭe.

Patrino levis la fileton sur siajn brakojn por montri al li la Kardinalon sidantan malproksime sur Trono...

Sian ĉapelon li tute ne portis, nur malgrandan ĉapon.

La knabeto revenis hejmen kun plena elreviĝo. Dum la tagmanĝo la patro lin ĝoje mokadis. Jen bela konsolo.

*Edmond Privat.*

---

Kaŝi la arton, estas vera arto.

*Thackeray.*

☆

Montrante ĉion al rigardo, vi tondis la flugilojn de fantazio.

*Lessing.*

☆

Vera elokventeco konsistas en la diro de ĉio dirinda kaj nur dirinda.

*La Rochefoucauld.*

☆

Nenion oni donas tiel malavere, kiel siajn konsilojn.

*La Rochefoucauld.*



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## Oficialaj Institucioj.

### Centra Komitato.

La Centra Komitato ricevis, por estontaj Universalaj Kongresoj, invitojn al urboj de Britlando, Belgujo kaj Turkujo.

La prezidanto de C. K. D-ro Privat kunsidis en Parizo ĉe la Komerca Ĉambro kun S-ro Baudet kaj la estraroj de „Esperanto kaj Commerce", de „Internacia Scienca Asocio" kaj „Franca Sto p. p. Esperanto" por diskuti la daton kaj organizon de la printempaj teknikaj konferencoj. Li ankaŭ kunsidis kun Prof. Cart, prezidanto de la Akademio pri la financaj bezonoj de la Lingva Komitato, kun generalo Sébert pri la Biblioteko kaj Arkivejo de la Centra Oficejo en Paris, kun D-ro Corret pri la Internacia Radio-Kongreso, kun la estraro de Franca Kompanio de Radiotelefonio pri la starigo de esp. radio-stacio kaj kun la direktoro de la *fonografa kompanio* Pathé pri eldono de esp. *diskoj*. Tiu kompanio estas preta eldoni ses diversajn gramofonaĵojn kun esp. paroladoj kaj modeloj de bona deklamado, se ĝi ricevos sufiĉajn antaŭmendojn. Dekope ĝi vendos la diskojn po 10 francaj frankoj. Mendu per C. K.

*

### K. R. de Naciaj Societoj.

La estraro de K. R. (S-roj Merchant kaj Edmonds) dissendis cirkuleron al ĉiuj naciaj societoj por instigi la organizon de kursoj al komercistoj laŭ la modelo de la Eksperimento proponita de la Venezia Konferenco kaj rekomendita de la Ĝeneva kaj por skribe voĉdonigi pri la elekto de nova membro de C. K. por anstataŭi S-ron Gabriel Chavet, kiu bedaŭrinde eksiĝis pro profesiaj devoj.

*

### Rondvojaĝo de abato Ĉe.

La Centra Komitato aranĝas tra-eŭropan vojaĝon de abato Ĉe, nia konata kaj elokventa propagandisto el Bukureŝti. Ĉiuj societoj kaj grupoj dezirantaj lin inviti, bonvolu *tuj* informi la C. K.

*

### Malvera gazetinformo pri la rezolucio de la Ligo de Nacioj.

La „Unuiĝo por la kreo de internacia mondlingva oficejo" kiu anoncas sidejon en Bern, sed havas neniun sidejon, kiu proklamas „neŭtralecon", sed skribas en Ido, kiu posedas leterpaperon, sed havas neniun alian ekziston ol la kontraŭ-esperantan propagandon de S-ro Schneeberger, disvastigis en la gazetaro malveran novaĵon profitante la forvojaĝon de D-ro Nitobé al Tokio por misuzi lian nomon kaj malkorekte citi frazojn de unu letero lia, kredigante al la publiko, ke la rezolucio de la Ligo estis voĉdonita nur de komisiono kaj ke ĝi entenis neniun rekonon de Esperanto.

D-ro Privat plendis ĉe la Ligo kontraŭ tiu falsa informo, sed estas bone, ke la esperantistoj bone sciu:

1e Estas malvere, ke iu esp.-gazeto pretendis, ke la Ligo „alprenis aŭ adoptis" Esperanton. Ĉiuj citis la tekston mem de la rezolucio, kiu estas rekomendo al la ŝtatoj kaj *rekono* de la praktika rolo de Esperanto kiel helplingvo.

2e Estas malvere, ke nur komisiono voĉdonis. Post la decido de la II-a Komisiono, la ĝenerala kunsido de la Ligo voĉdonis unuanime la rezolucion, la 20 septembro 1924, tagmeze.

3e Estas malvere, ke D-ro Nitobé deklaris, ke Esperanto ne estas rekonata de la Ligo. Li skribis, ke ĝi ne estas adoptata, kio estus tute alia afero, ĉar ĝis nun nur angla kaj franca estas oficialaj lingvoj de la Ligo.

4e Estas malvere, ke D-ro Privat, ĉe la komisiono, diris, ke la tarifa afero estas la „unika celo de lia propono". La oficiala protokolo konstatas, ke li diris ion tute alian.

Ĝuste pri tiu ĉi punkto la sekretario de la komisiono tuj korektis eraron de unu el la rapidaj provizoraj raportoj, kies teksto neniel valoras kontraŭ la oficiala protokolo. Jam unufojon, ĉe kunsido de Laboroficejo, okazis malkorektaĵo de idista stenografisto.

D-ro Privat plendis oficiale al la Ligo kontraŭ tiu tuta malhonesta procedo, kiu senhonorigas ties aŭtorojn. La svisa telegrafagentejo, konstatinte kiel oni malbonuzis ĝian fidon, jus dissendis al la gazetaro severan depeŝon kontraŭ tiu trompaĵo. Jam ĉe la lasta „Svisa Ido-Kongreso" ĉeestis entute dek personoj inkluzive la publiko. — Post tiu morala memmortigo, kiom restos en 1925?

---

## Zamenhof-Monumento.

Ceremonio interesa por tutmonda esperantistaro, kvankam modesta, okazis en Aberdeen, sabaton, la 25 oktobro.

En la korto de la granda granit-laborejo, kie la monumento de Zamenhof estis skulptita, staris sur sabla monteto speciale aranĝita por la okazo, la helgriza granita monumento destinata por la tombo de nia Majstro. Ĉi-tie ĝi elstaris en nobla aspekto el la amaso de la diversspecaj krudaj granit-rokoj, kiuj kuŝis ĉirkaŭe. La ronda terglobo sur la supro estis kovrita per verda standardo kaj la monumenton ĉirkaŭis aro da esperantistoj; la anoj de la Aberdeen-a Grupo Esperantista, S-ro Warden kaj S-ro Page el la Organiza Pormonumenta Komitato kaj J. D. Applebaum, ĝia honora sekretario.

La monumento estis liberigita de la skulptista ĉizilo antaŭ kelkaj tagoj kaj estas komplete finita por enŝipigo, kaj la Org. Kom. kune kun la lokaj samideanoj kaptis la okazon solene honori la ŝtonon, kiu post nelonge kovros la tombon de la Majstro, antaŭ ĝia enŝipiĝo por Polujo.

S-ro Warden en kortuŝaj vortoj rakontis pri la laboro de nia Majstro en sia idealisma agado por la bono de la homaro, detaligis la historion de liaj verkoj, kaj memorigis pri la unuaj tagoj de la Universalaj Kongresoj de Esperanto. La tuta rondo kantis la himnon de Espero kaj S-ro Page, post aludo al la paca laboro de la kreinto de Esperanto, deklamis „La preĝo sub la verda standardo".

Poste parolis la honora sekretario, kiu montris la universalecon de Esperanto per la fakto, ke mondonacoj venis el la tuta terglobo, kaj esprimis la esperon, ke ĉi tiu ŝtono estu por ĉiuj ĉeestantoj simbolo de inspiro kaj instigilo al plua laboro por la bono de nia movado ĝis fina venko.

Do, post longa atendado la monumento por la Majstro estas realaĵo. Ĝi foriros per la plej proksima vaporŝipo sur la baltika maro al Danzig, kaj de tie al Varsovio por fina starigo sur la tombo. La Aberdeen-aj matenaj kaj vesperaj ĵurnaloj raportis en longaj artikoloj pri tiu unika ceremonio en sia granita urbo.

Niaj Aberdeen-aj samideanoj, speciale S-ro Lawton, la grupa vic-prezidanto, kiu loĝas apud la laborejo, staris dum la ceremonio kun pezaj koroj. Dum multaj monatoj ili dorlotis la monumenton kvazaŭ propra infano, vizitis la laborejon tiel ofte, kiel eble por rigardi la progreson de la laboro. Ili vidis la krudajn ŝtonojn, observis la ĉizilon, kiel ĝi daŭradis glatumi la krudaĵon kaj transformis la graniton en monumenton. Nun ili devas perdi ĝin el sia mezo. Kordoloro, tamen kontenteco, ke baldaŭ ilia monumento kovros la honoran spacon da tero tie en Varsovio.

*J. D. A.*

# KRONIKO.

## Afriko.

*MADAGASKARO.*

*Ambohivanova* (Tananarivo). Malnovaj malgaŝaj samideanoj reinteresiĝis pri la propagando de Esperanto. Post ne longe oni restarigos la antaŭmilitan grupon. Ankaŭ nova kurso por indiĝenoj baldaŭ komenciĝos.

*TUNIZIO.*

*Bouzeara.* Oni klopodas restarigi la antaŭmilitan grupon. Estas esperinde, ke la klopodoj sukcesos.

*INSULO MAURICIO.*

*Port Louis.* Ankaŭ sur tiu insulo Esperanto estas propagandata. En Port Louis troviĝas malnova samideano S-ro Grandcourt.

## Ameriko.

*ĈILIO.*

*Santiago de Chile.* S-ro Luis Sepulveda Cuadra, esperantisto de 23 jaroj kaj membro de la Lingva Komitato decidis rekomenci aktivan propagandon por restarigi la grupon de Santiago kaj laŭeble la disiĝintan landan organizon. Li ankaŭ klopodos restarigi la kontakton kun Peruo kaj la rilatojn de samideanoj el ambaŭ landoj kun la eŭropa kontinento.

*BRITA GVAJANO.*

*Georgetown-Demerara.* S-ro L. Markowitz ebligas esper. kontakton de tiu lando kun la tuta mondo.

*NEDERLANDA GVAJANO.*

*Nieuw Nickerie.* S-ro M. A. Baptiste partoprenas aktive al nia movado.

*ST. VINCENT-INSULO.*

*Kingstown.* Nia honorinda samideano S-ro Frato Dom Wilfr. Broens de kelka tempo reaktiviĝis kaj intencas nun grandstile propagandi en la gazetaro per praktikaj artikoloj por tiel evidentigi al la enloĝantoj de la brita insularo la utilon de Esperanto.

*USONO.*

*Jarkunveno de Esperanto-Asocio de Kalifornio.* La 19an de oktobro okazis la deka jarkunveno de la Esperanto-Asocio de Kalifornio ĉe la Vero Foundation en San Francisco.

Oni aŭskultis la raportojn de la diversaj estroj de komitatoj kaj decidis fondi filion de la asocia biblioteko ĉe la „Vero Foundation", kies estro estas Fred Rivers kaj kie la San Franciska rondo kunvenis ĉiulunde. Kiel direktoraron por la venonta jaro oni elektis S-rojn Ames, Stockton, Smith, Vinzent, Rivers, Edwards kaj F-inojn Van Sloun kaj Lucy Marshall.

Post la laborkunsido oni komune vespermanĝis ĉe tablo aranĝita por kvardek personoj. La ĉeestantaro tre ĝuis la amuzoprogramon, en kiu partoprenis S-ro Myers, delegito ĉe Fedwood City, kiu kantis esperante, S-ro Everett Deckard, blindulo, kiu deklamis kaj fortepianludis.

F-inoj Marie T. Bondareff kaj Valerie-Postnikov kantis rusajn, anglajn kaj francajn popolkantojn akompanitajn de F-ino Elise Zazunian, kiu ankaŭ ludis fortepiane verkojn de la majstroj. S-ro Oscar Conzales ludis la violinon kaj Koleno Postnikov kaj F-ino Bondareff amuzis nin per rusa popoldanco. Kiel Esperantistoj oni trinkis verdan punĉon.

F-ino Hedwig Reicher, kiu havis ĉefan rolon en Ifigenio dum la Oka en Dresden estis nia honorgasto. Ŝi entuziasme parolis pri ŝia granda plezuro ludi en Esperanto al tia kosmopolita ĉeestantaro de kvardek nacioj kaj pri ŝia deziro mondvojaĝi kun ŝia propra geaktoraro, ludante monddramojn en la germana, angla kaj esperanta lingvoj. Ŝi nuntempe estras lernejon de l' dramo en San Francisco.

## Aŭstrio.

*Wien.* La „Libera Esperantista Laborkomunumo" de la Akademia Esp.-Unuiĝo, Bohema Klubo, Esp.-Societoj Danubio, Junularo, Progreso kaj Vesperto aranĝis 3 kursojn por komencantoj, gvidataj de samideanoj Kozina, Schicketanz kaj Varkany; 2 kursoj por progresintoj, gvidataj de samideanoj Kozina kaj Ultmann. Kursojn ĉe fervojistoj gvidas aminde S-roj Ultmann kaj Metzker; ĉe urbaj geoficistoj samideano Ĉech. Paroladoj faris S-roj profesoro Simon, D-ro Jokl kaj stud. med. Lempert (el Tallinn).

## Britlando.

En *Londono N. D. O.* estas fondita nova grupo de ILEPTOanoj sub la gvidado de S-ro Livingstone Jenkins.

## Ĉeĥoslovakio.

*La „Nordbohema Aŭtomobilklubo Reichenberg" uzas Esperanton.*

La nomita klubo eldonis 335 paĝan „Libron por automobilistoj en Ĉeĥoslovakio". Ĝi enhavas ĉiujn sciindaĵojn por aŭtomobilistoj, kiuj veturas el eksterlando Ĉeĥoslovakion. La VII. parto estas speciala „Informilo por eksterlandanoj". Ĝi estas presita en angla, franca kaj itala lingvoj kaj en Esperanto. Esperantistoj-aŭtomobilistoj kaj ĉiuj kiuj interesiĝas pri la libro, bonvolu mendi ĝin aŭ peti informojn pri ĝi de „Nordbohema Aŭtomobilklubo en Reichenberg", Ĉeĥoslovakio.

*Böhm.-Kamnitz.* S-ro instruisto Theml faris propagandan paroladon. Kurso por komencantoj, kiun gvidas S-ro J. Werner. Kurson por progresantoj gvidas S-ro Hieke.

*Bürgstein.* Propaganda parolado de S-ro Ullrich. Kurso en lerneja ĉambro, kiun disponigis senpage la lerneja konsilantaro loka.

*Graslitz.* Loka grupo de G. E. L. estas fondita. Kurson por komencantoj gvidas ŝtate ekzamenita Esperanto-instruisto S-ro Wölfl. La urbestraro disponigis al la grupo lernejan ĉambron.

*Grünlas.* Kurso kun 30 partoprenantoj. La komunuma estraro pagas la kotizojn. Kursgvidanto Hajek.

*Kratzau.* La nove fondita grupo „Verda stelo" kunvenas ĉiusemajne en hotelo Kudlich. Ekzercaj kunvenoj por progresantoj.

*Kriesdorf.* Propaganda parolado de S-ro Ullrich. Kurson gvidas S-ro Jäckel.

*Langenau.* Grupestro Bräuer aranĝis lokan premian skribadon por la grupanoj kaj kursanoj.

*Pihanken.* Kurso por komencantoj. S-ro Guttmann aperigas instruad-angulojn en Teplitz-Schönauer Anzeiger. La socialista gazeto „Freiheit" aperigas ĉiusemajne Esperanto-angulojn, kiuj raportas pri la eksterlanda Esperanto-movado.

*Reichenberg.* Kurson por komencantoj gvidas S-ro instruisto Hübner, ŝtate ekzamenita Esperanto-instruisto. La 31. X. amika kunveno, kiun ĉeestis gastoj el Grottau, Gablonz kaj tri hindoj.

*Rochlitz.* S-ro Schier gvidas kurson por komencantoj,

*Warnsdorf.* Propaganda parolado de S-ro instruisto Theml. Kurso por komencantoj.

*Zwickau.* Propaganda parolado de S-ro instruisto Taubmann. Esperanto-ekspozicio. Kurson por komencantoj gvidas S-ro instruisto Taubmann, ŝtate ekzamenita Esperanto-instruisto.

*Přerov.* La 9. kunveno de nordmoraviaj esperantistoj okazis la 19 oktobro 1924 en Přerov, en restoracio de akc. bierfarejo. Partoprenis reprezentantoj el la urboj Holešov, Kroměříž, Olomouc, Přerov, Prostějov kaj Zlín. Prezidis S-ro Kudela el

Olomouc, protokolis S-ino Grauerová el Přerov. S-ro Kudela raportis pri la rezultato de kunveno de orientbohemaj esperantistoj en Choceň. Diskutataj estis la demandoj: Plifortigo de UEA per varbado de novaj membroj kaj delegitoj. Financa subteno de naciaj esp. centroj, la nove projektata radio-elsendstacio, ĝia signifo kaj monsubteno, tutmonda komerca adresaro kaj varbado por ĝi, la XVII. Universala Kongreso de Esperanto, la III. Ĉeĥosl. Kongreso dum Pentekosto 1925, pli efika organizo regiona. Kiel adresaristo kaj regiona kasisto estis elektita S-ro Malík el Přerov. La 10. kaj jubilea kunveno okazos la 14. XII. okaze de la datreveno de la naskiĝtago de nia Majstro en Olomouc en la klubejo.

A. K.

## Franclando.

*Lyon.* Post sinsekvaj klopodoj de S-roj Leroudier, Mage kaj Levin, laŭ iniciato de la Grupo Esperantista de Lyon, la Lyon'a Sekcio de l' Respublikana Komitato de Komerco kaj Industrio organizis la 5 novembro en la Komerca Palaco propagandan paroladon de S-ro Guéritte, prezidinto de l' franca Komerca Ĉambro en London, prezidanto de la „Society of Engineers", prezidanto de l' Federacio de la Britaj Komitatoj de „Alliance Française", k. a. Ĉeestis pluraj membroj de la Komerca Ĉambro de Lyon kaj aliaj eminentaj industriistoj kaj negocistoj.

S-ro Guéritte, kies sindonemo al nia propagando meritas laŭdajn dankojn, post tri noktoj en vagonaroj por veturi de London al Skotlando kaj poste al Sud-Orienta Franclando, vigle parolis pri la internaciaj komercaj rilatoj, pri la eksportado kaj pri la neceso de internacia helpa lingvo. Per trafaj ekzemploj ĉerpitaj el sia propra longa spertado, li sukcesis interesigi kaj konvinki sian aŭdantaron, kiu lin aplaŭde dankis.

Tiu parolado estis organizita por logi lernantojn al kurso de la Grupo Esperantista de Lyon (12 rue Alphonse Fochier, ĉiun mardon je la 20 h. 30, depost la 18 novembro; enskriboj ĉe la Esperanto-Oficejo, 30 rue Ferrandière).

*Perpignan.* Dua reprezentado de la propaganda komedio „L' Heritage Klodarec" (de Mesnil). Sabato, 18 septembro en teatro de „Maison des Oeuvres", la arta sekcio de Amika Rondo (Perpignan) prezentis antaŭ publiko neesperantista propagandan komedion „L' Heritage Klodarec" de nia samideano F. de Mesnil. Ĉeestis 350 personoj.

Jaŭdon, 30 oktobro, posttagmeze Amika Rondo reprezentis duan fojon „L' Heritage Klodarec". Proksimume 500 lernantoj de la urbo ĉeestis. En ĉiuj reprezentadoj „La Espero" estis ludita per la orkestro kaj je la fino de „L' Heritage Klodarec" la geaktoroj kantis „Vivu la verda stel'".

La Esperantista Societo „Amika Rondo" havigis al si novajn aliĝojn.

Ni devas kore gratuli niajn sindonemajn propagandistojn kiuj ludis en „L' Heritage Klodarec": F-inoj G. Marcillach, J. Pascual, M. Coste; S-roj Jean Llech, René Llech, Pierre Talon, André Vignaud, Joseph Prats.

## Germanio.

*Berlin.* Estas konate, ke la granda anonc- kaj gazetentrepreno R. Mosse de kelka tempo energie akcelas Esperanton. Ĝia gazeto „Berliner Tageblatt" de 8. 11. enhavis en la muzika aldono Esp.-danc-kanton dulingvan (Shimmy). Represo estas permesata, kondiĉe, ke oni citas la eldonistojn kaj sendas pruvekzempleron al R. Mosse, Jerusalemer Str. 46—49.

*Dresden.* En la bonvizitata ĉefkunveno de la loka unuiĝo, la 29. X. 1924, legis la prezidanto la jarraporton kaj la kasisto la kasraporton. Post malŝarĝigo de la estraro oni elektis kiel novan unuan prezidanton unuvoĉe S-ro Joh. Karsch, kiu akceptis kaj mallonge donis skizon pri la intencota venonta laboro. Novaj kursoj estas en la komercista grupo kaj en bankejo Arnhold. Alvoko pri partopreno al la fondo de la „Saksa Ligo" en Chemnitz, la 2. XI. La vespero finis per bonelpensita parolado de F-ino Kühn pri: „Beleco de la alpoj en vintro" laŭ propraj spertoj.

*Sud-Okcidentgermana Ligo.* La 12 oktobro reprezentantoj el Frankfurt, Fulda, Kaiserslautern, Kreuznach, Mainz, Wiesbaden kaj Worms kunvenis en Frankfurt kaj sub gvidado de S-ro Kreuz restarigis la iaman „Sud-Okcidentan Ligon" (SOL). Kiel provizoran prezidanton oni elektis S-ron Kurt Schönrich, Wiesbaden, Emser Strasse 58. Grupoj kaj izoluloj en la teritorio de la ligo, kiuj ne jam ricevis la unuan cirkuleron, estas petataj, sendi sian adreson al la prezidanto.

## Hispanio.

*Soller* (Mallorca). Post mallongaj preparaj laboroj, la 15 aŭgusto, stariĝis la Esperantista Grupo „Solleric" kaj elektis la direktantan Komitaton. Prez. estas S-ro Miguel Arbona Oliver, sekr. S-ro Miguel Serra Pastor.

La dimanĉon, la 17an de sama monato, solene oni malfermis la unuan kurson de Esperanto. Prezidis la urbestro kaj ĉeestis reprezentantoj de Esperantista Klubo Pahna, de la Ruĝa Kruco kaj de la Prokultura Asocio de Mallorea. Alparolis la ĉeestantaron S-ro Saneho, S-ro Barulo, delegito de UEA, S-ro Olomar kaj S-ro Coloni.

## Hungario.

*Esperanto-Kursoj por bankoficistoj.* La Asocioj de Ŝparkasoj kaj Bankoj en Budapest kaj ankaŭ la Societo de Financinstitutaj Oficistoj en Budapest anoncas oficialajn Esperanto-kursojn. Bedaŭrinde en nunaj cirkonstancoj, kiam pli, ol 6000 bankoficistoj estas eksoficigitaj, ne multaj anonciĝos.

*Honordiplomo por Esperanta Ekspozicio.* Okaze de la Unua Filatelista Ekspozicio en Budapest sub protektado de duko Jozefo Francisko estis ankaŭ sur du tabloj Esperanto-Ekspozicio pruvante la disvastiĝon kaj filatelistan uzeblecon de Esperanto. Aperis festa aldono de Pester Lloyd, en kiu ĉefinĝeniero Béla Szász skribis apartan artikolon pri Esperanto. La Hungarlanda Esperanto-Societo ricevis pro la bonsukcesa ekspozicio honor-diplomon.

## Italio.

*Milano.* Dum la Tutmonda Ŝpar-Kongreso, kiu okazis fine de oktobro kaj kies aliĝintoj estis pli ol 500 reprezentantoj el la tuta mondo, la franca delegito S-ro P-ro Boucon el Annecy, salutis la kongresanaron en la nomo de la francaj elmigrantoj kaj parolis en Esperanto pri la uzado de internaciaj ŝparlibretoj por la elmigrantoj tutmondaj.

P-ro Ravizza, sekretario, bone tradukis kaj la ĉeestantoj miris por la neatendita esperanta parolado.

La prezidanto, Lia Moŝto eks-ministro por agrikulturaj aferoj, De Capitano D' Arzago gratulis S-inon P-ro Boucon, bondezirante la uzadon de Esperanto en la venontaj kongresoj de l' Ŝparo.

*Bari.* La X. Itala Kongreso de Esperanto en Bari dum septembro 1925. Post la invito de la Esperanta Balkana Akademio de Apulio, la Kongreso de Torino elektis Bari por la X. Itala Kongreso de Esperanto. Ĝi elektis ankaŭ tiun ĉi urbon kiel sidejon de la Itala Esperanto-Federacio, kies prezidantoj dum la jaro 1925 estos Prof. Koch (por la unua sekcio) kaj Prof. Lacalendola de la Komerca Universitato, prezidanto de la Esperanta Balkana Akademio de Apulio (por la dua sekcio)

*Voghera* (Pavia). Dimanĉon, 25 oktobro ĉe la ĉi tiea Popola Teatro okazis publika parolado de P-ro Modesto Carolfi pri „La triumfo de utopio“. Sufiĉe multenombraj estis la ĉeestantoj inter kiuj estis multe da geinstruistoj.

La 6 novembro, ĉe la vesperaj komunumaj lernejoj oni malfermos Esperanto-kurson, al kiu jam enskribiĝis multaj personoj.

*Milano.* La 15 novembro okazis la jara kunveno de la Esperanta Domo por la elekto de la nova konsilantaro. Estis elektitaj: Dott. Filippetti, prezidanto; Inĝ. M. Plonskier, vice-prezidanto; Rag. G. Tanzi, sekretario-kasisto; S-ro P. Giolla, bibliotekisto; S-roj Cattorini, Ciribini, Ghezsi, Girola, Nobile, Piatti, Zanaboni, konsilanoj; S-roj Busso, La Pila, Sacchi, revizoroj.

La Esperanta Domo (Via Spiga 29) dezirante malfermi esperantan ekspozicion, antaŭdankante petas al la samideanaro ĉiuspecajn esperantaĵojn.

*Potenca.* Parolado de la delegito S-ino J. Cesarini al la lokaj oficiroj, kun fervora apogo de generalo Saccomanni. Oni aranĝos kurson por la diritaj oficiroj.

*Udine.* Komence de januaro 1925, la Esperanta Grupo de Udine (Italio) inaŭguracios sian flagon. La ceremonio okazos en ĉefa urba teatro kun la ĉeesto de muzikantaro, reprezentantoj de italaj esperantaj grupoj kaj aro da aŭtoritatuloj, kiuj estos aparte invitotaj. Parolados D-ro Kav. Arturo Ghez, prezidanto de Esperanta Rondo en Trieste. La tuta afero (pro kiu la Udine'aj samideanoj senlace laboras) certe havos plenan sukceson kaj ni varme deziras, ke ĉiuj esperantaj Asocioj, grupoj kaj individuaj esperantistoj sendu al ni salut-leterojn, por ke oni povu ilin legi dum la inaŭguracia festo. Pri tio ni, jam de nun, konfidas ricevi amason da tiaj leteroj kaj ni elkore antaŭdankas tiujn, kiuj bonvolos helpi al la sukceso de la grava okazontaĵo.

Adreso: Esperanta Grupo Udine (Italio), Caffé Roma.

*Venezia.* La grupo L. L. Zamenhof estis translokita al S. M. del Giglio fundamenta della Fenice 2551 A. La sidejo estas malfermita ĉiuvespere, krom dimanĉo, de 20,30—22,30 h. En la saman domon ankaŭ transloĝiĝis „Esp.-Junularo“.

## Jugoslavio.

*Bjelovan* (Kroacio). La klubo dum oktobro malfermis tri novajn kursojn por komencantoj. Unua estas malfermita en gimnazio sub gvidado de kluba vicprezidanto prof. Lahey. Duan malfermis klubo en laborista domo, por laboristoj, sub gvidado de samideanoj Kraljerič kaj Styblo. Tria estas malfermita en knaba popollernejo, por burĝoj, sub gvidado de kluba sekretario Poljan. Nia movado ĉe ni progresas bone kaj tion pruvas, ke enskribiĝis preskaŭ 90 personoj en malfermitaj kursoj. Klubo kunvenadas ĉiudimanĉe. Dum pasinta somero, klubo aranĝis tri ekskursojn en urban ĉirkaŭaĵon.

*Sarajevo.* Nia gesamideano S-ro S. Bakarevič faris grandan publikan paroladon. Ĉeestis pli ol 100 personoj. Por nova kurso enskribiĝis 20 personoj. S-ro Bakarevič intencas speciale propagandi inter moslemoj.

## Latvio.

Dum oktobro en *Riga* estis malfermitaj kvin Esperanto-kursoj. Du el ili gvidas S-ro Krastin por fabrikejaj laboristoj, unu por policanoj S-ro Kraŭze, unu por poŝto kaj telegrafo-oficistoj F-ino Balod kaj unu ĉe Riga Esperanto-Societo S-ro Blumberg.

Dank' al senlacaj klopodoj de S-ro Ed. Jaunvalks en Liepaja (Libau) 12. X. 24 malfermiĝis Esp.-kurso ĉe Popola Universitato. Gvidas S-ro Jaunvalks, partoprenas pli ol 50 pers. La lokaj gazetoj „Kurzemes Vards“ kaj „Strandnieku Avize“ regule enpresas informojn kaj artikolojn pri Esperanto.

## Norvegio.

*Kristiania.* La tria kongreso internacia de la universitataj virinoj, post interesa diskuto, deklaris sin favora al la internacia helplingvo Esperanto, malakceptis la lingvon anglan kaj same malaprobis la alprenon de iu alia malnova aŭ moderna lingvo.

## Pollando.

Dank' al S-ro Heldstein-Heliński fondiĝis en Lwów (Pollando) „Laborista Esperanto-Asocio“, kiu kalkulas nune 150 anojn. Kursojn gvidas 4 foje semajne S-roj Wierzchowski, Baumann kaj S-ino. Krom tio okazas unufoje semajne kurso por fervojistoj. Societo troviĝas ĉe strato Ormiańska 2.

## Rumanio.

*Bukureŝto.* La Bukurestan grupon vizitis franca samideano S-ro A. Lè Bihan, prezidanto de la Grupo Esperantista en Le Mans, kaj pola samideano S-ro Schnuetzer, sekretario de la Klubo Esperantista en Lwów.

*Radauti* (Bukovino). La 1an de oktobro malfermiĝis nova bankoficista kurso, en kiu Esperanto estas fako nedeviga. Lernas nian lingvon 40 personoj. Instruas la agema delegito de UEA, S-ro Edmund Jarosiewicz. Fondo de grupo estas preparata.

*Targul-Mureŝ* (Transilvanio). — La ĵus malfermita kleriga kursaro sub la direktado de P-ro Gabr. Szigyarto metis en sian programon ankaŭ kurson de Esperanto. Estas rimarkinde, ke la Esp.-kurso havas la plej nombran vizitantaron, 44 personoj. Instruas Prof. D-ro F. Kadar.

## Ruslando.

*Buguruslan* (Samara). En loka societo „Memklerigado“ komenciĝis kurso por 20 anoj, gvidanto S-ro A. Nikitia.

*Vinaica* (Podola gub.) Rondeto de Esp. ĉe poŝtoficejo. Gvidanto K-do D. Birukov.

*Volsk* (Saratova gub.) Novan kurson de Esperanto gvidas K-do Vasiliev.

*Moskvo.* 19. X. 24. En Supera Instituto de Fizika Kulturo, kie laboris anoj de Internacia Kongreso de „Sportintern“ estis aranĝita granda esperanta ekspozicio. La Kongreso akceptis favoran rezolucion por Esperanto.

— 23. X. 24. En granda aŭditorio de Supera Teknika Lernejo okazis tre sukcesa esp. vespero kun raportoj pri nuntempa politika situacio en eksterlando. Parolis K-doj L. Revo [Franco], Mateev [Bulgaro], Jakovlev, Ĵaveronkov, Eroŝenko [blindulo], Demidjuk, Nekrasov kaj Valentinov. Vespero finiĝis per kantado kaj deklamado.

Vilaĝo *Stakanovskoe de Kurska gub.* Kun granda sukceso funkcias grupo kaj kursoj, gvidataj de K-do T. Golovin.

*Serpuĥov [Moskva gub.]* Novaj kursoj por laboristoj. Gvidanto S-ro A. Pafomov. Esp.-literaturo estas vendata en urba librejo.

*Tiflis* [Georgio]. 1. X. 24. Estas organizita Centra Oficejo kaj Ĉelo de Esperantistoj ĉe Administracio de Kaŭkazaj Fervojoj.

*Taŝkent* [Turkestano]. 19. X. 24. Estis aranĝita Iª Konferenco de Esperantistoj en Meza Azio. Aperis dua numero de ĉiumonata gazeto „Esp. de Oriento".

*Ĉardjuj* [Turkestano]. Nova grupo de esp. ĉe klubo de fervojistoj.

*Tobolsk* [Siberio]. Grupo kaj kursoj gvidataj de K-do V. Lebedinskij.

S. E. S.

## Svislando.

La Centra Komitato de la *Svisa Esperanto-Societo* ricevis ĝojigan sciigon el Bern, kie S-ro D-ro Spielmann malfermis kaj gvidas kursojn kun poŝtgeoficistoj kaj kun policanoj. En Olten li faris paroladon pri Esperanto en la Komerca Societo.

En *Lausanne* la Zamenhofa grupo aranĝis sukcesan feston la 13. XII. Paroladis S-ro Buttet kaj D-ro Privat.

En *St. Imier*, S-ro Humberset faris paroladon tre sukcesan.

En *Vallorbe* S-ro D-ro Privat faris publikan paroladon antaŭ 100 personoj. Grupo fondiĝis. Kursojn gvidas F-ino Noguet.

En *Genève* S-ro P-ro Bovet faris enkondukan paroladon en la Universitato. Dank' al lia varma, konvinkiginta parolo, kurso tuj estis komencita, ĝi estas gvidata de S ino Umanski. La grupo havis sian ĝeneralan kunvenon en oktobro. La 14. XII. sesdek esperantistoj vespermanĝis kune por festi la Zamenhofan tagon. Paroladojn faris invitite S-ro redaktoro R. Kreuz, nun en Genève kaj profesoroj Baudoin kaj Bovet. Ĉion vigle prezidis S-ro Borsa.




Por akceli la kompilon de statistiko pri la sukcesoj en tiu ĉi grava fako, ni estonte publikigos de tempo al tempo ĉiujn lokojn, kie Esperanto estas iel enkondukita en la lernejon. **Ni petas la aktivajn propagandistojn bonvole sendi al ni regule la koncernajn detalojn en resumita formo por simpla uzo.**

*

### Belgio.

*Antverpeno.*

La 22 julio stariĝis la Antverpena-Poresperanto-Propaganda-Komitato. Jam kvar lokaj grupoj aniĝis: Suda Lumo, Nia Ideo, A. G. E. D. (Diamantista grupo), Verda Lumo kaj kelkaj individuaj esperantistoj.

Tiu komitato celante revivigi la ĉi tiean movadon sukcesis favorigi la Skabenon de Publika Instruado por nia movado kaj akiri lian tutplenan kunlaboron por enkonduki Esperanton en la oficialan vesperlernejon. Kiel sekvo de tiu kelksemajna senĉesa propagando Esperanto estos do konsiderata same kiel aliaj fakoj sciencaj en tiuj lernejoj kaj du kursoj kun 70 gepartoprenantoj komenciĝis gvidataj de oficiale pagataj instruistoj.

Notinde estas, ke la urba servo mem algluigis nian propagandan afiŝon ĉe la lernejaj muroj, fakto neniam permesita ĝis nun en nia urbo por kia ajn celo.

La Esperanto-ekspozicio, okazinta de 8 ĝis la 25 septembro en la urba informejo, montris al miloj da preterpasantoj en la plej centra strato de Antverpeno, la viveblecon kaj progresadon de Esperanto. *A. P.*

### Bulgario.

*Pleven.*

En la knaba gimnazio komenciĝis kurso kun 40 partoprenantoj, krome kurso en la vinberkultura lernejo kun 20 personoj. Ankaŭ en progimnazio funkcias kurso kun 20 lernantoj. Kurso por geinstruistoj de progimnazioj estas projektataj.

### Ĉeĥoslovakio.

*Bodenbach.*

Esperanto estas instruata en la 4-a klaso de la burĝa lernejo. Gvidanto S-ro fakinstruisto Störch.

*Janessen.*

En la kvara klaso de la popola lernejo instruas Esperanton la ŝtate ekzamenita instruisto por Esperanto S-ro Hajek el Meierhöfen.

*Pilsen.*

Ŝtate ekzamenita instruistino F-ino Vladislavljewitsch gvidas kurson por komencantoj en la Germana Burĝa Lernejo por knaboj. „Pilsner Tagblatt" publikigas kurson por Esperanto, kiun verkas S-ro Schweiger.

### Ĉinlando.

*Wuchang.*

La prezidanto de la Universitato Chun Húa en Wuchang, S-ro Ĉen Ŝi, ekkoninte la valoron de internacia helplingvo enkondukis Esperanton devige en la universitaton. Gvidanto estas S-ro T. L. Ĉan.

### Germanio.

*Wiesbaden.*

S-ro Schönrich komencis kurson por geinstruistoj de popollernejo kun 23 partoprenantoj. La urba administracio disponigis senpage la instruĉambron. Dua kurso komenciĝis en Eltville kun 25 partoprenantoj, ankaŭ gvidata de S-ro Schönrich.

*Berlin.*

Esperanto estas enkondukita en la planon de du komercaj lernejoj „Flatauers kaufmännische Privatschule" kaj „Handelsschule A. Foitzik".

*Rezolucio por Esperanto en Herne.*

Jam en julio la konferenco de instruistoj en nereligiaj lernejoj akceptis kontraŭ 1 voĉo por Ido rezolucion rekomendante la lernadon de nia lingvo al ĉiuj instruistoj kaj petante la germanan registaron permesi la enkondukon de kursoj en tiuj popollernejoj, kie estas instruistoj, sciantaj nian lingvon.

Simila rezolucio estas akceptita dum la kultursemajno de la socialdemokrataj instruistoj en Leipzig.

*Bochum.*

Oni fondis sekcion de instruistoj en la grupo „Progreso".

*Rosswein (Saksio).*

En la distrikta unuiĝo de instruistoj parolado pri Esperanto estas farita. Oni komencis kurson por instruistoj kun 10 partoprenantoj.

### Ruslando.

*Erivan* (Armenio).

K-do Sovak oficiale gvidas kursojn de Esperanto en lernejoj de Glavprefebr (ĉefa institucio de profesia klerigado).

*Ekaterinoslav* (Ukraino).

Esperanto estas instruata oficiale en loka urba lernejo. Gvidas F-ino L. N. Sedakova.

*Vilaĝo Kulakovo* (Nov-Nikolaevskoj, gub. Siberio).

K-do Puriaev gvidas kurson en 5-a grupo de loka lernejo.




Esperanto pli kaj pli disvastiĝas en la radio-sfero. Speciale en Germanio ni povas konstati evidentan sukceson.

*Hamburg.*

S-ro K. Minor, L. K., ĉiusemajne dum 10 minutoj disaŭdigas novaĵojn en Esperanto de la stacio de „Norag“ (adreso: Norag, Artushof, Gr. Bleichen, Hamburg),

*Frankfurt a. M.*

Post fino de la komenca kurso la direkcio de la sendostacio konsentis al pliperfektiĝa kurso, okazonta de nun ĉiun duan semajnon.

*Leipzig.*

De la sendostacio de Leipzig ĉiusemajne okazas Esperanto-kurso.

*München.*

La 16. 10. tiu stacio malfermis kurson gvidatan de S-ro Koch.

*Stuttgart.*

La 5 novembro S-ro bankisto D-ro Vogt, vicprezidanto de G. E. A., faris paroladon pri „Esperanto kaj la lernejoj“.

*Königswusterhausen.*

La 16. 11. tiu stacio en la proksimeco de Berlin disaŭdigis radio-koncerton.

*Berlin (Voxhaus)*

La 22. 11. ankaŭ tiu stacio disaŭdigis paroladon pri Esperanto. De nun krome ĉiusabate okazos kurso de nia lingvo.

Ni devas gratuli niajn germanajn samideanojn pro ilia granda aktiveco kaj la salutinda sukceso.

Krome estas notinde, ke du radio-gazetoj de Berlin „Der Deutsche Rundfunk“ kaj „Radio-Welt“ aperigas regule Esperanto-lecionojn.

*St. Omer (Franclando).*

La Radio-Klubo de Saint Omer kaj ĉirkaŭaĵo akceptis rezolucion rekomendanta la decidojn de la internacia radio-konferenco de Genève. Imitinda ekzemplo.

*Köbnhavn.*

La 29. 10. oni disaŭdigis Esperanto-koncerton de la dana stacio. Oni esperas baldaŭ povi starigi kurson.

*Philadelphia.*

La stacio de Fratoj Gimpel (WIP) dissendis Esperanto-programon la 26. 11.

La stacio de Fratoj Lit (WDAR) krom nacilingva prezentado ankaŭ disaŭdigis Esperanton la 25., 27. kaj 29. 11.

Ni petas ĉiujn propagandistojn en la radio-sfero regule informi nin pri siaj klopodadoj kaj rezultoj. Disvastigo de la detaloj en nacia gazetaro estas nepre rekomendinda.

---

## Esperantista Literatura Asocio.

Administracio: Paul-Gerhardt-Str. 22., Dresden-A. 19, German.

*Decembra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

**Nomaro de la membroj.**

**Honora prezidanto: S-ro prof. Th. Cart. Honora prezidantino: S-ino M. Hankel.**
**Prezidantino: F-ino J. Zschepank.**

**Adams, William G.**, S-ro, 1742 West d. Str. Seattle, Washington, U. S. A.
**Ader, Friedrich**, S-ro, Bambergerstr. 43, Dresden, Germ.
**Antipov, Nikolao**, S-ro, Hamman-Lif, Tunesie „Miramare“, Afriko
**Arabeno, Michele**, S-ro, Via Crimea 8-24, Genova, Ital.
**Austerlitz, V.**, S-ro D-ro med. Bardiov, Ĉeĥosl.

**Baghy, Julio**, S-ro, Rottenbillerstr. 66, Budapest, Hungar.
**Bakels, A. G.**, S-ro, Haarlem, Nederlando.
**Balkanji, Paulo**, S-ro, Hajos u. 15, II, Budapest, Hungar.
**Ban, Aladar**, S-ro, Istvan ut. 28, Budapest, Hungar.
**Barthelmess, Norbert**, S-ro, Immermannstr. 26, Düsseldorf, Germ.
**Bastoul, F.**, S-ino, Rue Chabot-Charny, Dijon, Franc.
**Beck, René**, S-ro, Allées de Meilhan, Marseille, Franc.
**Bergit, Laurent**, S-ro, Avenue St. Saëns 43, Béziers, Herault, Franc.
**Bieg, Johannes**, S-ro, Pliensaustr. 36, Esslingen a. N., Wttbg., Germ.
**Biscaglia, M.**, S-ro, Rango-Bleggio, Tirolo
**Biŝitzky, Wolf**, S-ro D-ro, Mikuláŝská 12, Praha, Ĉeĥosl.
**Bonnevie, H.**, S-ro, Bergliensgate 11, Christiania, Norveg.
**Bronsztejn, Ch.**, S-ro, pl. Zel. Bramy 2, Warszawa, Pol.
**Bücker, Ida**, F-ino, Ruhlaerstr. 15-16, Schmargendorf-Berlin, Germ.
**Bünemann, Oscar**, S-ro, Alsterkrug-Chaussee 586, Hamburg-Fuhlsbüttel, Germ.
**Bulthuis, H. J.**, S-ro, Daguerrestr. 84, Haag, Nederlando.
**Buloĉkin, Maksim.**, S-ro, Bolŝoj Demidovskij 10, Moskvo, Ruslando
**Busuttil, Gustave**, S-ro D-ro, Sliema, Insulo Malta
**Butin, Max**, S-ro, Kronprinzenstr. 33, Godesberg a. Rh., Germ.

**Camescasse, J.**, S-ro, Rue Douai 39-55, Paris, Franc.
**Camuffo, Armando**, S-ro, Pl. G. B. Vico 9 H., Triest, Ital.
**Caumont, A.**, S-ro prof., Friedensgasse 37, Basel, Svislando
**Christaller, Paul**, S-ro prof., Neue Weinsteige 61, Stuttgart, Germ.
**Christanell, Franz**, S-ro prof., Parsch-Salzburg, Aŭstrio
**Collison, E. G.**, S-ro, Melton-Mowbray, Angl.
**Ĉernohvostov, G.**, S-ro, Vilao Walheim, Alberga, Finnlando

**Deans, Agnes**, F-ino, 220 Bruntefield-Place, Edinburgh, Skotlando
**Deŝkin, Georgo**, S-ro, str. Mjasnickaja 21, Moskvo, Ruslando
**Dezulian, Cesare**, S-ro, Pedrazzo, Trentino, Ital.
**Dombrovski**, S-ro prelato, Kovno (Kaunas), Litov.

**Eckert, Ella**, F-ino, Krongasse 153, Saaz, Bohem.

**Fethke, Jean Forge**, S-ro, Kirch-Promenadenweg 5, Danzig-Langfuhr
**Fiŝer, Andreo**, S-ro D-ro, Gribojedovstr. 25, Tiflis, Georgio
**Flourens, Johanino**, F-ino, Cours Joseph Thierry 43, Marseille, Franc.
**Frank, Ernst**, S-ro, Am Harzberg, Mölln i. Lauenburg, Germ.
**Frantz, S.**, S-ro, Rue Allain Chartier, Paris, Franc.
**Fricke, Wilhelm**, S-ro, Düsternstr. 131, Bremen, Germ.
**Funken, Leono**, S-ro, Florinsmarkt 7a, Koblenz, Germ.

**Goemanns, Henk**, S-ro, Hol. banko por la mediteranea maro, Konstantinope
**Göhl**, S-ro D-ro, Neugersdorf, Sachsen, Germ.
**Gordon, Geo**, S-ro, 81 Liddiard Str., Hawthorn, Victoria, Aŭstral.
**Gottgetreu, Paul**, S-ro, Herrenstr. 12, Hannover, Germ.
**Grot, Edgaro**, S-ro, Elizabetes iela 9, dz. 33, Riga, Latv., Eŭropo
**Gube, Ludwig**, S-ro, Fregestr. 26, Berlin-Friedenau, Germ.

**Hanau, Joh.**, S-ro D-ro, Moritzstr. 12, Wiesbaden, Germ.
**Heitmüller, Heino**, S-ro, Waller-Heerstr. 134, Bremen, Germ.
**Hickel, R.**, S-ro D-ro, Mareŝgasse 4, Leitmeritz, Ĉeĥosl.
**Hipsley, J. W.**, S-ro, Woodland Rd. Northfield, Birmingham, Angl.
**Hohlov, Nikolao**, S-ro, Banque Adriatique, Zagreb, Jugoslav.
**Hudson, Percy T. B.**, S-ro, Junction Hotel, Oakleigh, Victoria, Aŭstral.

**Illing, Friedrich Wilh.**, S-ro, Brunnengasse 69, Wien 16, Aŭstr.
**Ireland, E. B.**, F-ino, 10 Eaton Road, Hove, Sussex, Angl.
**Isbrücker, J. R. G.**, S-ro, Beverningkstr. 10, Haag, Nederlando

**Jahn, Friedrich**, S-ro, Römerstr. 10, Godesberg a. Rh., Germ.
**Jahns, Käthe**, F-ino, Infanteriestr. 2, Braunschweig, Germ.
**Jung, Teo**, S-ro, Horrem-Köln, Germ.
**Junker, August**, S-ro, Hohestr. 26, Köln, Germ.
**Jurysta, J.**, S-ro, Czestochowa I, Alejo 3, Pol.

**Klinger, Hans**, S-ro, Kirchgasse 463, Tetschen, Ĉeĥoslov.
**Koch, Hans**, S-ro, Ringeisenstr. 8, München, Germ.
**Kötz, Bernhard**, S-ro, Eilenburgerstr. 49, Leipzig, Germ.
**Kornfeld, Salo**, S-ro, Jaslo, Pol.
**Krepelka, J.**, S-ro, Bjelovar, Jugoslav.
**Krestanoff, Ivan**, S-ro, Pirdop, Bulgar.
**Krestanoff, Marg.**, S-ino, Wintergartenstr. 9, Dresden, Germ.
**Kühn, Anna**, F-ino, Frankenstr. 6, Dresden, Germ.
**Küster, Marg.**, F-ino, Halberstädterstr. 129b, Magdeburg, Germ.

**Legrand, E.**, S-ro, Montevideo, Uruguay, Sud-Ameriko
**Levin, Richard E. H.**, S-ro, 30 rue Ferrandière, Lyon, Franc.
**Lewis, Gabriel D.**, S-ro, 1 Warren Road, Haylake, Birkenhead, Angl.
**Lippmann, Walter**, S-ro D-ro, Tauchaerstr. 10, Leipzig, Germ.
**Löwe, Rosa**, F-ino, Albertstr. 7, Radebeul bei Dresden, Germ.
**Loy, K. J.**, S-ro, Kronach, Oberfranken, Germ.
**Lutteroth, Ascan**, S-ro D-ro, Kaiserstr. 92, Breslau, Germ.
**Luyken, H. A.**, S-ro, 23 Arcadien Gardens, Wood Green, London, Angl.

**Maĉernis, J.**, S-ro, Ukmergispl. 45, Kovno (Kaunas) Litov.
**Madlener, Hermann**, S-ro, Gaustadt bei Bamberg, Germ.
**Major, Josefo**, S-ro, Remetestr. 36, Budapest, Hungar.
**Maske, Rudolf**, S-ro, Rogoŝno bei Posen, Str. Mata Posnanska 327, Pol.
**Maske, Bruno**, S-ro, Rogoŝno bei Posen, Str. Mata Posnanska 327, Pol.
**Medem, Paŭlo von**, S-ro kolonelo, Smeliu g. 12, Kovno (Kaunas) Litov.
**Mexin, Aleksandra**, S-ino, Pl. Claparede 7, Genève, Svis.
**Miller, J. B.**, S-ro, Waldsee, Wttbg., Germ.
**Minor, Carl**, S-ro, Hallerstr. 6, Hamburg 13, Germ.

**Nickel, Hildegard**, F-ino, Blücherpl. 2, Potsdam, Germ.
**Noll, Marg.**, F-ino, Fredericiagade 10, Kopenhagen, Dan.

**Ojala, Konrad**, S-ro, Rödbergsgatan 22628, Helsinki, Finnlando
**Padfield, W. W.**, S-ro, 2 Dawlish Villa Lower, Oldfield Park, Bath, Angl.
**Parisot**, S-ro, 6 Rue de Brice, Nancy, Franc.

Pavlova, Paŭlino, F-ino, ul. Petra Velikeho 9, Tiflis, Georgio
Petit, Marthe, S-ino, 33 Rue Chabot Charny, Dijon, Franc.
Pillath, Friedrich, S-ro, Sommerburgstr. 38, Essen-Ruhr, Germ.
Pönsgen, Hans, S-ro, Tannenhof bei Lüttringhausen, Rhl., Germ.
Prengel, F., S-ro, Kordeckïego 1, Bydgoszcz, Pol.
Pulvers, Charlotte, F-ino, Dornacherstr. 154, Basel, Svis.

Racz de Koevesd, Bela, S-ro, Fehervari ut. 21, Budapest, Hung.
Rambousek, Jano, S-ro generalo, Nova ul. 22, České Budějovice, Ĉeĥoslov.
Rambousková, Kati, F-ino, Nova ul. 22, České Budějovice, Ĉeĥosl.
Reichel, Walter, S-ro prof. D-ro, Kasernenstr. 32, Kamenz i. Sa., Germ.
Reisinger, Jos., S-ro, Quai de l'Ile 3, Genève, Svis.
Ricca, Cosmo, S-ro, St. Giovanno Tomin Invrea U. 2, St. 5, Genova, Ital.
Riek, O., S-ro, Wolgasterstr. 38, Greifswald, Germ.
Riedl, Lad. A., S-ro prof., Nová Paka 591, Ĉeĥosl.
Rippel, Heinrich, S-ro, Semmelstr. 41, Würzburg, Germ.
Robbie, James, S-ro, 42 Strathearn Rd., Edinburgh, Skotlando
Rosen, Charles, S-ro, Parc 107 Bis, La Chaux de Fond, Svis.

Sabadell, Alfonso, S-ro, Disputation 280, Barcelona, Hispan.
Scheerpeltz, Ella, F-ino, Wal. Meseritsch, Ĉeĥosl.
Schenkel, Jacob, S-ro, Karlstr. 1, Friedrichsthal, Saar, Germ.
Schoor, Jan van, S-ro, Julius de Geyterstr. 149, 1, Antwerpen, Belg.
Schröder, Johann, S-ro, Volksgasse 8, Wien, Aŭstr.
Schwartz, Teodoro, S-ro D-ro, Andrassy ut. 31, Budapest, Hung.
Schulte, Franz, S-ro, Schederhofstr. 141, Essen-Ruhr, Germ.
Selzer, Bernhard, S-ro, Ettenreichgasse 4|31, Wien X, Aŭstr.
Sennacieca Revuo, 24 Boulevard Beaumarchais, Paris XI, Franc.
Seppik, Henriko, S-ro, Tallinn, Maneŝi 7-12, Eston.
Seriŝev, Inocento, S-ro, Ĥarbin, Newtown, poŝte restante, Manchurie, Ĥin.
Simmank, Frida, F-ino, Sonnenlehne 3, Dresden-Briesnitz, Germ.
Smith, Adalbert v., S-ro, Lavich v. Pabststr. 107, Arnhem, Nederlando
Spero, Rahel, S-ino, Shoemannstr. 618, Pretoria, Transvaal
Stamatiadis, S-ro D-ro, Péra-Tepé-Bachi 59, Konstantinopel
Striedter, O., S-ro, Erglos, Latv.
Steding, H., S-ro, Berckstr. 10, Bremen-Horn, Germ.
Steinke, L., S-ro, Greifswald, Germ.
Stojan, Petro, S-ro, Str. Spital 10, Kiŝinau, Ruman.
Sündermann, Bruno, S-ro, Schmelze 207, Bodenbach, Ĉeĥosl.
Ŝanovich, Ph. Godpraiser, S-ro, Konstantinopel
Ŝapiro, J., S-ro, Lipova 33, Bialystok, Pol.
Ŝidlovskaja, Maria, F-ino, Dimitrov, Mosk. Gub. Siev. ul. d. Sobolev, Ruslando
Ŝupichova, Julie, F-ino, Malá Štěpánská 6n, Praha, Ĉeĥosl.

Taubmann, J., S-ro, Haida, Bohem.
Trarbach, Peter, S-ro, Felsenstr. 27, Elberfeld, Germ.
Trutnau, F-ino, Philippinenstr. 9, Essen-Ruhr, Germ.

Warden, J. M., S-ro, 28 St. Andrew Square, Edinburgh, Skotlando
Wecker, Marg., S-ino, Krongasse 153, Saaz, Bohem.
Wendell, Lehmann, S-ro, 615 La Salle Building, Minneapolis, U. S. A.
Wiesenfeld, Edvardo, S-ro, Biala 3, Varsovio, Pol.
Wünsch, J., S-ro, Brückenstr. 11, Karlsbad, Bohem.

Ziegler, Gustav, S-ro, dumviva membro, Marktredwitz, Bavar., Germ.
Ziermans, Jan, S-ro, Amsterdamsche Str. 53, Scheveningen, Nederlando
Zwach, Franz, S-ro kolonelo, Volkswehrplatz 19, Wien II, Aŭstr.

*Johanna Zschepank.*

---

# Esperantista Parolejo.

## Oni laŭdas.

∴ S-ro *Léon Agourtine*, membro en Paris, dankas jenajn membrojn de UEA pro ilia afabla akcepto dum lia ĉeesto en Germanujo: S-ron Cremer, del. en Benrath, S-rojn Wullen kaj Kuberski, del. kaj vicdel. en Bochum, la grupon de Cleve, S-rojn Sanders kaj Rother, del. kaj vicdel. en Krefeld, S-inon Ems kaj S-ron Giesmann, membrojn en Krefeld, S-rojn Brandt kaj Bartel, membrojn en Düsseldorf, S-ron Duffels, membron en Emmerich, S-ron Otto Sandrock, del. en Essen, S-ron Bollmann, del. en Gelsenkirchen, S-rojn Rose, del., kaj Hartenfels, membro, en Hagen, S-ron Junker, del. en Köln, S-rojn R. Kreuz, nun en Genève, kaj T. Jung, membroj kaj del. en Horrem, S-rojn Istel, del., kaj Schönrich, membron en Wiesbaden. Specialan dankon al franca samideano, membro de UEA, leŭtenanto Léger en Düsseldorf.

Dum la vojaĝo en Belgujo mi esprimas dankojn pri la akcepto al S-roj Oger, del. en Liège, kaj Borckmans, del., kaj Desonay, membro, en Spa.

∴ Gesinjoroj *Denables*, membroj de UEA, kore dankas la UEA-delegiton en Freiburg (Germanio), S-ro Döring kaj ankaŭ lian edzinon pro ilia ĝentila gastameco kaj la afabla bonvenigo al la grupo de la urbo.

∴ S-ro Heinrich Schuster, Fuerth (Bavario) korege dankas al la gegrupanoj meksikaj de „Amikaro“ kaj „Anahuac“, precipe al la S-roj Rodriguez, Angel de Anda, Jesús Amaya, F-ino Martinez, S-ino Francesca de Jarra en Meksikurbo kaj al la S-roj poŝtestro Ernesto Guerra Fajardo, Hernandez kaj al multaj aliaj pro gravaj servoj faritaj al mi dum sesmonata restado en Meksiko. Samideanoj el bonvalutaj landoj, envojaĝante al landoj kun malalta valuto preskaŭ ĉiam estos akceptata bone, sed kion faris niaj meksikaj anoj por mi, rezultis de nuraj oferemaj motivoj. Des pli kore estu mia danko!

∴ Al S-ro L. Poncet el Lyon ni tutkore dankas pro lia zorgema kaj sindona gvidado de kongreskaravano el Vieno tra Salzburg, Zürich. *Ges-roj Isbrücker.*

∴ Pro valora helpo S-ro *W. Duregger*, Traunstein, dankas al S-ro A. W. Neuwirth, del., Bregenz (Aŭstrio).

∴ *S. Goldfeder*, del. en Hoszer, poszta Róhno, Pollando, kore dankas S-ron Konderak, del. en Luck, Pollando, por lia varma akcepto kaj por faritaj de li al mi servoj kaj helpo en la distriktjuĝejo en Luck.

Profesoro *König* el Miskolcz sincere dankas sinjoron Klein, Alfred, kaj sinjorinon Cecilie Deutsch en Wien pro la gastemeco kaj prizorgo de diversaj informoj, kiuj ebligis al li partopreni la XVI-an.

∴ S-ro *Robert Kreuz*, Frankfurt a. M. (nun en Genève) dankas al la del. en Belfast, F-ino S. Mc. Cullough pro rapida kaj nedevige ekzakta propaganda-servo.

∴ S-roj *Rumbiegel* kaj *Markert* el Wurgwitz-Dresden tutkore dankas al la grupo Zamenhof en Venezio, precipe al S-ro Santin, prezidanto kaj delegito, kaj S-ro Bonini por la bona helpo dum la vizito de Italio.

S-ro *Jan Molnár*, membro de UEA, esprimas sincerajn dankesprimojn al fraŭlino Ilonka Fehrentheil, vicdelegitino de UEA en Veszprém, Hungarujo, pro gravaj servoj dum sia veturo tra Hungarujo.

S-ro *Edward M. Rosher*, membro 14355 en San Francisco, skribis:

„Sendinte mian junan filinon al Londono kaj trovinte, ke la ŝipo nur enhaveniĝas en Leith, Skotlando, mi deziris, ke iu renkontus ŝin ĉe la haveno kaj ŝin helpu en la vagonaron al Londono. Ŝi tute ne konis Leith-on. Mi petis al la tiea delegito, S-ro Tullo, ke li renkontu ŝin, kiun servon li afable konsentis fari. Mi treege dankas lin.“

Perdinte amikon en Anglujo, kiu de antaŭ du jaroj ne skribis al mi nek respondis al miaj leteroj, mi sukcese lin retrovis per servo de S-ro Walter G. Philipps, delegito ĉe Cheltenham, kiun mi nun dankas.

---

# Esperanta Ligilo.

Dum dudek jaroj la tutmonda reliefpresita gazeto, „Esperanta Ligilo“, faras sennombrajn servojn al siaj blindaj legantoj, kies nombro konstante kreskas. La gazeto, kiu en la komenco estis luksaĵo por nur kelkaj blinduloj nun fariĝas necesaĵo por pli ol mil, kiuj troviĝas en pli ol tridek landoj kaj en ĉiuj societaj rangoj. Senbrue la blinduloj pli kaj pli vaste uzas la tutmondan lingvon por korespondado kaj por ricevi valorajn sciigojn. Estas ĉefe la malriĉaj, sed laboremaj blinduloj, kiuj profitas plej multe la informojn kaj kuraĝigon de la Ligilo, *tial oni bezonas ankoraŭ peti financan helpon de la bonvidaj Esperantistoj.* Nuntempe ni treege bezonas donacojn por pagi la preskalkulon de la venonta jarfino. Dankeme mi kvitancos ĉiun donacon.

*W. Percy Merrick,*
kasisto de „Esperanta Ligilo“
Penso, Shepperton-on-Thames, Anglujo.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunligas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr. or.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 40 000, 100 000, 300 000; **Belgio:** Fr. 10, 25, 100; **Brazilo:** Milr. 8, 20, 50; **Britlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25: **Bulgario:** L. 75, 150, 800; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 2000; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 10, 25, 75; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 8,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 250; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 4, 8, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 100; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 350; **Latvio:** L. 4, 8, 25; **Litovio:** L. 6, 15, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25 12,50; **Norvegio:** Kr. 6, 15, 30; **Pollando:** Zlot. 4, 8, 25; **Portugalo:** Esk. 20, 45, 150; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 20 000; Germanio: Mk. or. 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79 236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

**Interkonsento kun B. E. A.** — Sekvante la deziresprimon de la Ĝeneva Konferenco 1924 pri administra kunigo de kotizoj, la Brita Esperanto-Asocio kiel unua nacia societo proponis al UEA aranĝon laŭcelan. La komisiono de UEA, informita per cirkulerletero aprobis la aranĝon valoran por la administra jaro 1925. Bedaŭrinde la informo venis tro malfrue per esti konigata en la Oficiala Bulteno N-ro 13, sendita al ĉiuj delegitoj precize je la unua de novembro 1924. Ni do informas ĉi-tie plej koncize pri la nova aranĝo kaj petas niajn delegitojn kaj membrojn en la Brita Imperio bone noti la detalojn:

1) La kotizoj estas pagataj de la Delegitoj kaj membroj al la Oficejo de BEA, 17 Hart street, London W. C. 1.
2) Varbante novan anon oni klopodu kiom eble plej multe lin interesigi pri ambaŭ societoj, UEA kaj BEA. Persono, kiu jam estas ano de BEA ankaŭ rajtas la favoran kotizon, kiel sekvas.
3) En la rajtoj de la Delegitoj rilate la makleron sur la kotizoj de UEA nenio ŝanĝis; ili povas se ili volas, depreni la kutimajn 10% de la UEA-kotizo.

La jena tabelo montras la kunigitan kotizon de la du asocioj.

| | Membro-kategorio | | BEA-Membro | | BEA-Fratulo | | BEA-Asociano | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | A | 10ŝ. 0p. | B | £1 1ŝ. 0p | C | 2ŝ. 6p. |
| 1 | UEA Membro (M) | 5ŝ | 1A | 15ŝ. 0p | 1B | £1 6ŝ 0p. | 1C | 7ŝ. 6p. |
| 2 | UEA Membro-Abonanto (MA) | 12ŝ. 6ŝ. | 2A | £1 | 2B | £1 11ŝ. | 2C | 15ŝ. 0p. |
| 3 | UEA Membro-Subtenanto (MS) | £1 5ŝ. | 3A | £1 15ŝ. 0p. | 3B | £2 6ŝ 0p. | 3C | £1 7ŝ. 6p. |

La avantaĝo de la nova aranĝo troviĝas ĉe la kategorio de Membro-Abonantoj pagintaj ĝis nun 12/6 al UEA kaj £ 1. 2ŝ. 6p. aŭ £ 1. 13ŝ. 6p, kune kiel Membro aŭ fratulo de BEA anstataŭ kune 1 £ kaj £ 1. 11ŝ. do ŝparo de 2ŝ. 6p. kaj notinda simpligo administra. Ni forte esperas, ke la nuna aranĝo trovos la aprobon de ĉiuj britaj membroj kaj notinde plimultigas la anaron de UEA en Britlando.

**Interkonsento kun H. E. S.** — La Hungarlanda Esperanto-Societo akceptis en komitata kunsido proponon pri kreo de *internaciaj membroj,* t. e. membroj kiuj samtempe aliĝas al la nacia kaj al la internacia organizaĵoj. La kotizoj estas:

Membro de UEA . . . . . 4 Kr. or.
Membro de HES . . . . . 3 Kr.
7 Kr.

—— Favora kotizo ĉe unufoja pago 6.60 Kr. or. ——

Membro-Abonanto de UEA . 8 Kr. or.
Membro de HES . . . . . 3 Kr.
11 Kr.

—— Favora kotizo ĉe unufoja pago 10.— Kr. or. ——

Membro-Subtenanto de UEA 25 Kr.
Membro de HES . . . . . 3 Kr.
28 Kr.

—— Favora kotizo ĉe unufoja pago 25,20 Kr. or. ——

Ĉiuj pagoj estu farataj al la ĉefdelegito de UEA, S-ro Paŭlo Balkányi, Budapest VI; Hajos u. 15-II (Telefono 88—60).

**Garantia Kapitalo de UEA.**

| | Dua serio: | Frankoj svisaj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo | 5400.— |
| 19. | F-ino Elizabeth Ireland, Hove (Angl.) | 300.— |
| 20. | S-ro W. C. Parry, Hove (Angl.) | 300.— |
| | Sume: | 6000.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 Fr. or. svisajn, pageblaj en tri partoj dum daŭro de tri jaroj. La atesto de Garantia Kapitalo de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva ricevo de la gazeto kaj de la jarlibro kiel eblaj aliaj eldonaĵoj oficialaj de UEA.

**Donaco.** — Ni kvitancas la ricevon de 27 guldenoj nederl. kiel donacon de malfondiĝinta grupo „L' Oriento" en Amsterdam, sendita de S-ro Ohlrichs. Koran dankon!

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Radajoz* (Hispanio, Badajoz) — D: S-ro Luis Campos Suay, Str. Hernan Cortes 11
VD: S-ro Antonio Veloso Delgado, fandisto, Alligidos 49

*Bad Salzuflen* (Germanio, Lippe) — D: F-ino Käthe Tiedeken, Parkstrasse 30

*Berlinchen* (Germanio, Neumark) — D: S-ro Max Luedske, instruisto

*Biala Podlaska* (Pollando) — D: S-ro Abram Urmacher, fotografisto

*Bielefeld* (Germanio, Westf.) — D: S-ro Fr. Erich Holzmüller, mekanikisto ĉe H. Meiners, Turnerstr. 19

*Bohdneč Lázně* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ino Antonie Grossmannová-Vamberová, Nám. č. 3 u radnice

*Botoŝani* (Rumanio, Moldavio) — D: S-ro Rubin Cohn, lernanto, Calea Nationalá 164

*Bregi-Koprivnica* (Jugoslavio) — D: S-ro Franjo Matiŝa, bienposedanto
VD: S-ro Franjo Petričevŭ, bienposedanto

*Brightlingsea* (Britlando, Essex) — D: S-ro Charles B. Morgan, eksarmea oficiro, 41 Church Road

**Ŝanĝoj.**

*Annaberg* (Germanio, Sachsen) — D: S-ro Fritz Krämer, instruisto, König-Albert-Strasse 21
VD: S-ro Arno Wiedemann, komercisto, Scherbank 22

*Beograd* (Jugoslavio, Serbio) — VD: S-ro Radomir Klajič, Inspektoro de Financa Ministerio, Svetag. Save 23

*Bocŝa-Montana* (Rumanio, Banat.) — D: S-ro Stefan Simon, elektromuntisto
VD: S-ro Georgo Niedermeier, seruristo-majstro

*Buffalo* (USA, New York) — D: S-ro Donald E. Parrish, 1011 Elmwood Ave
VD: S-ro Joseph S. Gianfranceschi, kuracisto, 610 Niagara Str.

*Camaguey* (Kubo) — D: S-ro Jorge Juárez Cano, prokuristo, Str. Bartolome Masò 21 A

*Cambridge* (Britlando) — S-ro E. T. Collier, 19 Paulow Str.

*Cluj* (Rumanio, Transilvanio) — D: F-ino Eugenia Morariu, oficistino, Calea Traian 40

*Inowroclaw* (Pollando) — D: S-ro Siwinski Zbiniew, Sw. Ducha

*Jaroslaw* (Pollando) — D: S-ro Bernhard Streifer, profesoro de la IIa Ŝtatgimnazio

*Laihia* (Finnlando) — D: S-ro Ilmari Manner, instruisto, Isokylä

*Linz* (Aŭstrio) — D: S-ro Hans Hosner, Karl-Wiser-Str. 21

*Lisse* (Nederlando, Zuid Holland) — D: S-ro Adrianus Gerardus de Jeu, floristo, Roversbroekpolder

*Mostar* (Jugoslavio, Hercegovina) — D: S-ro Lavoslav Šešelj, fervoja oficisto, Kolodvor

*Palermo* (Italio, Sicilio) — D: S-ro Stefano la Colla, Via Paolo Amato

*Paris* (unua kvartalo) — D: S-ro Charles Tiard, Inĝ., Faubourg, St. Denis 209, Paris X

*Rio de Janeiro* (Brazilo) — D: S-ro Carlos Domingues, advokato, Praça 15 de Novembro 101, 20 andar
VD: S-ro Luiz da Costa Porto Carreiro Neto, inĝeniero, Rue 24 de Majo 154

*Roma* (Italio) — VD: S-ro Ermanno Filippi, fervoja librotenisto, Via Tagliamento 76

*Rorschach* (Svislando, St. Gallen) — D: S-ro Fritz Klingenbek, komercisto, Industriestrasse 34

*Siracusa* (Italio, Sicilia) — D: S-ro Luigi Scatá, paroĥestro, Via Cavour 43

*Skara* (Svedlando, Skaraborg) — D: S-ro Anders Rosenberg, gimnastiko-direktoro, Solliden
VD: S-ro Karl Gustav Anderson, elektristo Elektr.-verket.

*Stettin* (Germanio) — D: S-ro Friedrich Krieger, rektoro de meza lernejo
VD: S-ro Curt William, sekreta konsilisto, Arndtstr. 14

*San Francisco* (Usono, Californio) — Ĉefdelegito por Okcidenta Usono: S-ro Andrew Snider Vinzenz, bankisto, 400 Californio Str.
D: S-ro Brewster F. Ames, advokato, 309-10-11 Chronicle Building

*St. Gallen* (Svislando) — La VD: S-ro Jul. Felti, foriris

*Topeka* (Usono, Kansas) — D: S-ro John H. Fazel, pastro, 625 Buchanan Str.

*Torino* (Italio) — D: S-ro Marcello de Balzac, Inĝ., Via bagetti 27

*Utrecht* (Nederlando) — D: S-ro Wilhelmus Baaten, komercisto, Oudegracht 276 tz.

*Vidin* (Bulgario) D: S-ro Vladimir Lazarov, juĝisto, Ul. Ŝičmanova

**Provizore ne plu estas delegitoj en la jenaj lokoj:**

La Hulpe (Belgio, Brabant); Nerva (Hispanio, Huelva); Pötschmühle (Ĉeĥoslovakio); St. Chaptes (Franclando, Gard).

*Genève*, la 20 Novembro 1924.

*Hans Jakob*, Direktoro de UEA.

# Esperantista vivo.

**Naskiĝoj.** — Al S-ro *Giovanni Barni*, prezidanto de la Labor. Esp. Grupo en Genova, naskiĝis filino, nomita Milda.

— Al Ge-roj *Bourdelon*, del. en Brignoles (Var), naskiĝis filo, nomata Georges.

— Al S-ro *Ernst Grund*, vicdel., Bukureŝti, naskiĝis dua filo, nomita Günther.

— Al S-ro P-ro *O. Kuzma*, del., Kolomea, naskiĝis filo, nomita Bohdan.

— Al S-ro P-ro *Mario Barel*, Venezia, naskiĝis filo, nomita Guido Henrici.

— Al G-roj *Albert M. Kaliner*, MA, en Detroit, U. S. A., naskiĝis filino Rozeta.

**Edziĝoj.** — D-ro *Ladislao Löcsey* en Cluj (Rumanio, Transilvanio) la 16-an de aŭgusto edziĝis kun F-ino *Gizella Vavra.*

— S-ro *Victor Hendricx* en Gent edziĝis kun F-ino *Yvonne Colyne.*

— S-ro *Andreo Buttet-Luy* en Lausanne (Svis.) edziĝis kun F-ino *Berthe Luy.*

— S-ro *Vasilie Morariu*, M. de UEA el Cluj (Transilvanio Rumanio), la 18-an de septembro edziĝis kun F-ino *Agnes Bartos* en Lunca-de-Gijloc (Gyimesközéplok), Transilv., Rum.

**Fianĉiĝo.** — Batak (Peŝtersko) Bulgario. Nia delegito S-ro *Petr. V. Toŝkov* fianĉiĝis sian filinon, F-ino *Marenka* kun fraŭlo *Slarĉo D. Kânev.*

**Honorigo.** — S-ro *A. J. Witteryck*, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista estas nomita Kavaliro de la Ordeno de Leopoldo II.

— S-ro *Oscar v. Schoor* en Antwerpen estas nomita Kavaliro de l' belga Kronordo.

Ni gratulas al ambaŭ favoraj pioniroj de nia afero pro tiu honorigo.

**Malavara donaco.** — S-ino *Annie E. Mudie*, la bedaŭrinda vidvino de nia mortinta pioniro Harold Bolingbroke Mudie donacis por la 50000 ŝilinga fundo de Brita Esp.-Asocio la malavaran donacon de 100 anglaj funtoj kiel memoraĵon al sia neforgesebla edzo.

# La entombigo de S-ino Zamenhof.

Nia fidela delegito en Varsovio, S-ro Oberrotman, sendis al ni detalan raporton pri la ceremonio funebra al S-ino Zamenhof. Tre multnombra publiko ĝin partoprenis kaj akompanis la ĉerkon al strato Dzika, kaj poste al la tombejo. Tie diris lastan saluton en profunda emocio S-ro Lee Belmont (pollingve kaj esperante). Poste paroladis:

S-ino Cense, en la nomo de eksterlanda esperantistaro,
S-ro Szumacher, en nomo de Akademia rondo Varsovio,
S-ro K. Domolanski, en nomo de Societo Laboro,
S-ro Koss, en nomo de Tutmonda Esperantista Akademio,
S-ro Kestecki, en nomo de Pola Esperanta Asocio kaj Pola Akademia Rondo,
S-ro Oberrotman, por UEA,
S-ro Wiesenfeld, en nomo de „Konkordo“,
S-ro Ch. Bronstein, en nomo de Societo Progreso,
D-ro V. Robin, en nomo de internacia kaj loka komitato por starigo de Monumento al nia Majstro, kaj en nomo de „TEKA“.

Post finkanto de la kantoro Szerman la malĝoje kantata himno ĉirkaŭsonis la malsupren glitantan ĉerkon super kiu fermiĝis la tero. Sur la tombo amasiĝis florkronoj, la esperantistoj ekkantis la esper.-himnon kaj kun vundita koro disiĝis.

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn oni sendu senpere al la supra adreso.
La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

### SOLVOJ:

52. Pri ĉi tiuj du solvoj ne bezonas ja klarigoj:



53.



la figuretoj diras evidente ĉion.

54 = Tri-go-nome tri -o-. — 55 = Fama volat. — 56 = Unu, sep, tri. (La arkoj taŭgas kiel gvidiloj: Supre de n-ro 2 oni vidas U; arko de tiu U iras maldeksten, ĉe n-ron 9, kie estas litero N; de N alia arko iras al U [sube de n-ro 7]; ktp.) — 57 = 1, 2, 3: Mi-ka-do; 2, 4, 5: Ka-me-lo; 3, 5, 6: do-lo-ri. — 58 = Eureka.

59.



($1{,}5^2 + 2^2 = 6{,}25$.
$2{,}5^2 = 6{,}25$).

60. **Geometriaj enigmoj.**



El rektangulo, kies alteco estas $^9/_4$ de la bazo, faru du partojn tiajn, ke oni povu el ili starigi ekvivalentan kvadraton. (La tranĉo farota povas havi kian ajn formon).

61. Estas donitaj 5 interegalaj kvadratoj: unu el ili restos entjera, kaj ĉiun el la aliaj 4 oni dividos en 2 partoj, poste, el la tutaĵo, oni faru unikan kvadraton. (Ĉi tiu ludo povas esti prezentata sub alia formo: dividi kvadraton en partoj tiaj, ke oni povu el ili fari 5 interegalajn kvadratojn).

62. **Plenigota versaĵeto.**

**Av** *****

(El proza anekdoto de Fundamenta Krestomatio).

Tre bonkora av***** | iris for de kat******, | kie diris pred****** | pri la bonfarado s****. | — La predik' — ek***** | li- | tiel min ek*****, ke | tre volonte | almoz***** nun eĉ **!—

63. **Ŝanĝo de vokalo.**

Post **A** kolekto; | post **E** tre eta | part', elemento; | post **I** jen ago | de sin movanto; | post **O** flavaĵo | multvaloranta; post **U** altaĵo | senkapigita.

64. **Muzikenigmeto.**

Dunoto valoranta kvin centimojn.

65. **Astronomia alumetludo.**

☐N☐ | ∴ Ŝanĝinte lokon al | nur unu alumeto | aperu la nepino | de Ĝia Moŝto Sun'.

66. **Urbeg' tre industria.**

EEEEИ

Nur unu alumeton movu vi | por havi nomon de urbego ne | antikva kontinento | pro industrio fama.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥos.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 126.**
*H. T. Bailey*. London kaj *Fr. Hájek*, Praha.
[Originalo].



Sinmato per la 5-a movo.

**Problemo N-ro 127.**
*Niels Hoeg.*
[Nationaltidende 1907].

Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 128.**
D-ro *W. Galitzky.*
[Stratégie 1905].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 129.**
D-ro *O. Blumenthal.*
[Bohemia 1905].

Blanko matas per la 3-a movo.

En la sinmato 126 unuavide temas pri la mato per la Pe 7 sur la kampo f2. La tasko por Blanko estas devigi nur la Peonon, ke ĝi pasu sian vojon senakcidente. Simplan enhavon havas ankaŭ la aliaj problemoj. La ideoj en ili kaŝitaj estas kvazaŭ fajreroj. Bona ŝlosilo kaj bona ideo rezultigas ĉiam plaĉan verkon, eĉ se ĝia konstruo ne permesas plu, ke ĝi povu esti pli simple esprimita, por ankoraŭ havi la rajton esti envicigata inter la problemaron.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 122:** 1. Tf4—c4, Rd5×c4, 2. Ĉc6—b4, laŭvole, 3. Kf5—d3 m.; 1.... Kb5×c4, 2. Ĉc6—e7 +; Rd5×e5, 3. Kd2—f4 m.

**N-ro 123:** 1. Ĉe2—d4, Re5×d4, 2. Ĉg3—e2 m.; 1.... Ĉd3×c5, 2. Ĉg3—e2 m.; 1. Ĉb5 movas, 2. Dc6—d6 m.; 1.... Ĉd3—f4, 2. Ĉd4—f3 m.; 1.... Re5—f4, 2. Ĉg3—e4 m.; 1.... f7—f6, 2. Dc6—e4 m.

**N-ro 124:** 1. Dc6—c7, Rd4×d5. 2. Ĉg2—f4 + ktp. 1.... Td8×d5, 2. c2—c3 + ktp. 1.... e3—e2, 2. c2—c3 + ktp. 1.... Kh8—e5, 2. Dc7—b6 + ktp. 1.... Td8—f8, 2. Ĉd5—b4 ktp.

**N-ro 125:** 1. Dc5×h5, Ĉd1×f2, 2. Dh5—h4, Ĉa1—b3 m. 1.... Ĉd1—c3, 2. Dh5—e2 +, Ĉc3×e2 m.; 1.... Ĉd1×b2, 2. Ĉf2—d3 +, Ĉb2×d3 m. En la problemo estis ellasita nigra Peono ĉe h5.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 120, 121 M. Birmanas, Lukŝiai (Litovio), 120 H. Steding, Bremen (Germanio); 122 Inĝ. Fr. Grössl, (Praha).

*Korespondo:*

S-ro Pietro Polescki, Genova kaj J. Zylbersztejn, Równe. Vian proponon pri la juĝanto danke akceptita, tamen mi supozas, ke ĝi tute ne estas necesa. Bondezirojn al la entreprenita luktado! Al bona komenco sekvu bona fino! — S-ro E. Sourander, Winkilla (Finnl.), en viaj solvoj ne defendas sin ĝuste la nigr. reĝo. — S-ro H. Steding, Bremen, la alsenditaj problemoj ne estas ankoraŭ uzeblaj. — S-ro M. Birmanas, Lukŝiai, bonaj gazetoj estas: trilingva: Schweizerische Schachzeitung, adr. D-ro E. Voellmy, Austrasse 34, Basel. Svislando; germana: Wiener Schachzeitung, Wien IV, Schäffergasse 13, Aŭstrio.

## Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ino **Figuères,** instruistino, 2 rue d' Aumal, Alger. Ŝi mortis la 3 aŭgusto en Marseille.

F-ino **Antonie Janalíková,** fakinstruistino kaj vicdeleg. de UEA en Bystřice p. H. forlasis nin en septembro 1924 por ĉiam. Ŝi estis unu el la plej viglaj samideanoj de nia movado en Moravio. Longe ŝi vivos en la memoro de tiuj, kiuj konis ŝin kaj ŝian noblan karakteron. La personoj kiuj havis la honoron esti instruataj de ŝi pri Esperanto, daŭrigos ŝian flamon kaj energion por plej baldaŭa interfratiĝo kaj paciĝo de la homaro *A. K.*

S-ro D-ro **Josef Kubíček,** kuracisto en Olomouc mortis en oktobro 1924 en aĝo de 52 jaroj. Li estis la unua prezidanto de esper. klubo, deleg. kaj poste membro de UEA. Dum du jaroj en malsanulejo, li ne plu povis aktive partopreni je nia laboro. La ĉi tiea samideanaro sincere bedaŭras lian tro fruan foriron. Liaj noblaj agoj por nia afero vivos plue. Lia nomo estas ligita al la historio de Esperanto en nia urbo. *A. K.*

S-ino **Joseph Pirnay-Demez,** edzino de nia membro S-ro Joseph Pirnay en Verviers (Belgio) mortis post grava malsano la 3 oktobro 1924.

En Brugge (Bruges) Belgio mortis S-ro **Henri J. C. Rousseeuw.**

**Drew, Frank C.,** 63 jara, San Francisco, mortis 17 majo 1924.

Gravan perdon spertis nia Esperanto-Stelo Stutgarta, ĉar post kelkmonata suferiga malsano mortis nia multjara grupano, UEA-ano kaj kurs-gvidinto, supera instruisto **Karl Konz.** Laŭ sia ĉiama fervoro por Esperanto li estis modela esperantisto; per sia eminenta instru-kapablo li atingis, ke la vesperoj de la Esperanto-kursoj, ĉu arânĝitaj de nia grupo, ĉu en la kursoj por popolklerigo, arânĝita de la popol-altlernejo estis vera ĝuo por la partoprenantoj eĉ post la laboroj kaj penoj de l' tago. Kvankam ofte tre suferante dum sia malsano li ĉiam estis spirite vigla, propagandis nian lingvon en la malsanulejo ĉe kuracistoj kaj kunuloj. Esperanto estis lia lasta ĝojo, kun Esperanto-libro en mano li mortis. Kordankon al li pro lia ĉiama fervoro; ne estas vana lia laboro.

*P. Christaller.*

S-ro **Stefano Dudás,** patro de nia delegito en Orsova, Banato, Rumanio.



